# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

**Fondinto: H. HODLER. — Redaktoro: D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA: Hans JAKOB.**

Adreso de la Redakcio kaj Administracio: 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: Historio kaj Geografio, de Edmond Privat (137). — Ĉu valoras argumentoj ? (138) — Homeco (138). — Alumetoj (139). — La advokato (140). — Usona sportraporto (141). — La lasta bandito (142). — Klarigo (142). — *Esperantista Parolejo* (143). — Esperantistaj problemoj: La stato de la movado (146). — Post la nuligo de la Helsinki-kontrakto (146). — Universala Esperanto-Asocio, Oficiala Informilo 21 (148). — Bibliografia Servo de UEA, Novaj libroj 1932 (149). — Cefratoj kunigi la manojn, de Nikolao Hovorka (150). — Por preterpasi la kataklismon, Subtenantoj de UEA 1932 (151). — Turismo (151). — Radio (151). — Internacia Polica Ligo Oficiala Informilo (152). — En kelkaj linioj (152). — 24-a Universala Kongreso, Paris (153). — Alvoko al ne-skoltoj (153). — Oni dankas (153). — Esperantista vivo (154). — Niaj mortintoj (154) — 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln a,Rhein (154). — Reklamo (155-156).

# Historio kaj Geografio

Se ni povus lerni ĉiujn lingvojn parolatajn en la mondo, ni ja posedus rimedon por ekkoni kaj ekkompreni la vivon kaj animon de ceteraj nacioj. Tiam eble ni kapablus akiri tutmondan rigardemon kaj homaran vidpunkton.

Konante ĉiujn membrojn de la homa familio, ni povus pli bone vidi ĝin kiel realaĵon, ne nur kiel ideon. Sed la tempo mankas.

Kun granda peno ni klopodas lerni du aŭ tri el la ekzistantaj lingvoj, sed la multaj horoj elspezitaj pri gramatikaj malfacilaĵoj estas forŝtelitaj al la vera celo de la studo. Estus ofte pli utile akiri profunde unu fremdan lingvon ol supraĵe kelkajn.

Bedaŭrinde ordonas tie la neceso vivgajna, ne la postuloj kulturaj. Internacia helplingvo jam tutmonde disvastigita, kiel Esperanto, povas ludi gravan rolon por nin helpi tiurilate.

En la estonteco, kompreneble, kiam ĝi estos instruata en ĉiuj lernejoj, ĝi liberigos la homaron de tiu devigo al supraĵa studo « pro neceso » kaj ebligos pli seriozan enprofundiĝon « pro elekto ».

Sed mi ne parolas tie pri la estonteco. La tuja nuno min okupas. Estas fakto, ke multaj ŝtatoj, aŭ turismaj centroj, aŭ fervojaj administracioj jam eldonis en Esperanto gvidlibrojn pri sia lando, eĉ ofte pri ĝia historio, geografio kaj ekonomio.

Kiu vizitis en Ĝenevo la bibliotekon de Universala Esperanto-Asocio, alte loĝanta meze de l'urbo en historia turo sur insulo de l'Rodano, tiu miris pri la granda nombro da tiuj presaĵoj ilustritaj pri ĉiuj eblaj regionoj de nia globo.

Inter aliaj avantaĝoj tiuj libretoj almenaŭ ne prezentas tiujn terurajn tradukaĉojn en tordita franca, germana aŭ angla lingvo, kiuj naŭzas la leganton ĉe la unua paĝo. Inter parentezoj, kial la esperantistoj ne faras antologion de elektitaj paragrafoj el tiaj ridindaj presaĵoj ? Ili pli efike propagandus por sia afero ol per ĉiuj elokventaj argumentoj. Samtempe ili amuzus la publikon.

En la esperantaj libretoj almenaŭ la nacianoj mem verkis pli rekte kaj senĝene pro la facileco de la lingvo. Bedaŭrinde restas ankoraŭ truoj en tiu interesa literaturo, speciale sur la historia kampo.

Ĉar Universala Esperanto-Asocio havas delegitojn en ĉiuj landoj, ĝi devus instigi al pli unueca entreprenado. Jam ĝi sukcesis trudi unu norman formaton por gvidfolioj pri urboj kaj banlokoj. Estus utile rekomendi tipon de libreto pri historio kaj civilizo de ĉiu nacio.

Multaj ŝtatoj interesiĝus pri tio kaj kredeble pagus la kostojn mem. Vastaj organizoj de esperantokursoj kiel la Internacia Ĉe-Instituto povus disdoni tiujn presaĵojn al siaj lernantoj kiel facilan legaĵon. Jen taŭga instruilo.

Edmond Privat.

# Socia Vivo

## Ĉu valoras argumentoj?

Ĉu ankoraŭ iu kredas, ke raciaj argumentoj decidas homajn aferojn? Tamen instruado disvastiĝis. Infanoj lernas ĉie legi, skribi, kalkuli, rezonadi logike. Scienco kaj racio nun staras honorataj en la tuta mondo.

Kreskis eĉ ia malŝato al sentoj kaj modernaj knabinoj zorge malaperigas sian bonkoron same kiel aliajn rondaĵojn de sia persono, se la modo tiel ordonas.

Oni do povas konkludi, ke ni vivas en epoko de racio kaj logiko, en tempo kiam argumentoj valoras kaj ludas sian decidan rolon en gvidado de komunaj aferoj.

Nu, se oni tion kredus, oni erarus plene. Rigardu la faktojn. Ĉiujn decidojn kaŭzas fundamenta sento aŭ pasio. Argumentoj estas invitataj nur por subteni fortan emon kaj ataki ne malpli fortan emon kontraŭan de iu alia grupo.

Se la emo ŝanĝiĝas pro nova memintereso, tiam oni plej facile kolektas novan aron de raciaj argumentoj por ĝin defendi kaj konduki al sukceso. Vidu kiom da eminentaj ŝtatistoj kapablas en sama jaro ĵeti al via kapo plej teknikajn pruvojn por rekomendi plej kontraŭajn solvojn nur ĉar ili forlasis partion por aliĝi al nova. Kio estis vero, fariĝis mensogo kaj male.

Rigardu la spertulojn, la teknikistojn, ĉie invitatajn sidi en Komisionoj kaj Konferencoj por ekzameni la malgajan staton de la mondo. Depost la milito la ekonomiistoj plurfoje montris eĉ unuanime rimedojn por eliri el krizoj. Ili rekomendis interalie ĉesigon de senprofitaj elspezoj por armigo kaj forigon de doganaj bariloj inter nacioj.

Iliajn raportojn oni presigis, iliajn konkludojn oni registris, ilian konsilon oni laŭdis, sed neniu sekvis ĝin. Novajn armilojn oni aĉetis kaj novajn tarifojn oni altigis pli alten ol iu ĉina murego. Kial? Ĉar la emo estis alia. Regis tute ne racio, sed timo aŭ aliaj sentoj primitivaj. Ne mankas inteligento en Genève, rimarkis Einstein tie, sed taŭga volo.

Nian epokon ne senkulpigos en historio konstato pri nescio. Ne temas pri bonulo, kiu eraras, ĉar li nescias la vojon. Nia epoko tre bone scias, kio estas farinda, sed ĝi tamen ne faras ĝin.

La solaj teknikistoj, kies konsiloj sukcesas, estas profesiaj militistoj en senarmiga konferenco. Ĉar ili ne emas fordoni sian apartan vivokupon, ili kompreneble ne povas ŝati la celon de tia konferenco kaj plenigas ties kunsidojn per negativaj klarigoj. Ilin oni aŭskultas kaj obeas. Kial? Ĉu pro argumentoj? Ne. Pro nura malfido al aliaj rimedoj.

Tie sidas inteligentaj gvidantoj de grandaj ŝtatoj en simila stato kiel bona maljuna virino, kiu preferas bruligi centfoje lakton sur la forno, ol uzi malgrandan ilon, kiun ŝi ne kutimas.

Inter universitatoj kaj teknikaj lernejoj, inter bibliotekaj palacoj kaj edukejoj ĉiaspecaj jen kuras la homoj civilizitaj al siaj insektaj aŭ brutaraj grupoj kiel primitivaj sovaĝuloj kaj aplaŭdas al la plej sensaciaj alvokoj al kolektivaj amoj aŭ malamoj.

Solvon ili jesas aŭ neas, ne ĉar racia aŭ malracia ĝi estas, sed nur ĉar proponis ĝin tiu aŭ tiu ĉi grupo. La pakaĵon oni eĉ ne malfermas por esplori, sed laŭdas aŭ rifuzas laŭ la surgluita etiketo.

Dume la milionoj da ĉiutagaj ĵurnaloj disflugas al hejmoj ĉiumatene. Argumentoj svarmas en ĉiu kolono. Famaj subskriboj brilas en dikaj literoj. Sed la posedanto de la gazeto elektis ilin kaj ordonis ĉu oni subtenu aŭ ataku. Argumentoj venas post decido.

Amuzan ekzemplon de tio ni rimarkis en iama diskuto pri Esperanto ĉe Ligo de Nacioj. Iu eminentulo siatempe subtenis la ideon en sia lando. Argumento tiam uzita estis la helpo al internacia kompreno kaj amikiĝo de popoloj.

Jarojn poste la sama viro sidas en Liga Komisiono. Lia registaro petis lin malsukcesigi proponon pri Esperanto pro naciista motivo. Kiun argumenton uzi?

Nek vi, nek mi estus eltrovinta la genian renverson de la sama. Aŭskultu nur: lerno de fremdaj lingvoj helpas interkomprenon kaj amikiĝon de popoloj, disvastigo de Eseranto malnecesigus lernon de fremdaj lingvoj, do Esperanto kontraŭas amikiĝon de popoloj.

Ĉu ne admirinde? Nu, tiaj sklavaj servoj de inteligento al antaŭfiksita vidpunkto svarmas en nia epoko de ĝenerala instruado.

Benata estu la plej nekonata instruisto vilaĝa, kiu kuraĝas kutimigi la infanojn serĉi la veron kaj juĝi libere laŭ sperto, ne laŭ ordono.

*Edmond Privat.*

## Homeco

De D-ro W. Perrenoud.

Kial tiu vorto trudas sin al mi ĉiam pli insiste?

Pensante pri Esperanto kaj Esperantismo, mi neniel povas viŝi ĝin for el mia menso aŭ anstataŭigi ĝin per alia. La tuta internacilingva afero kristaliĝas por mi je tiu unika vorto.

Kia do estas ĝia signifo? — Mi provos klarigi tion jene:

1. *Du homoj en unu.* — Ĉiu el ni havas en si unue la fizikan, korpan homon. Tiu parto de ni mem vivas per la materio, meĥanike kaj ĥemie. La korpa homo postulas manĝon, trinkon, movon, ĝuon. Ĝi estas komparebla certagrade kun kreskaĵo. Bonkonstruo kaj bonfunkcio de la korpa homo favoras nian feliĉon. Tamen la korpa homo estas nur duona homo. Per ĝi la homeco ne estas atingita.

La dua homo venas nur kun la normala disvolviĝo de nia (eksterordinare delikata) nerva sistemo. Multaj personoj ne konas bone en si la duan homon, kiun ni povas nomi: « la spirita homo » aŭ « *la persona konscio* ». Elementoj en ĝi plej gravaj estas ekzemple: la memor- kaj la juĝ-kapabloj, kiuj konservas kaj ordigas la perceptojn. Per la persona konscio povas disvolviĝi la plej altaj kapabloj de la homo. Tiam estas atingita la homeco.

2. *La homeco en la evoluo.* — Se ni ekzamenas la prahistorion de la homa speco, ni konstatas, ke, same kiel en la individua vivo, la konscio estis komence tre malklara kaj ke ĝi nur iom post iom ricevis lumon kaj disvolviĝis. Tiu progreso okazis samtempe kun la anatomia pliperfektiĝo de la homa nerva sistemo. Progresante en konscio, la homo fariĝis maltima, estrema. Li akiris scion pri la uzado de multaj natur-fortoj, forlasis primitivajn erar-komprenojn, civiliziĝis.

3. *Lingvo kaj homeco.* — Plej potenca faktoro de la konsci-progreso estis la apero kaj disvolviĝo de lingvo. Lingvo estas la spegulaĵo de la homa konsci-povo.

4. *Konscio kaj libereco.* — Ĝusta konscio kondukas al karaktero. Karakter-homo ŝatas agi, labori, efiki. Sed ne malprudente, sub la minaco de l'perforto, tiranate. Volonte li helpos, penos, riskos. Ne por la egoista profito de hommonstroj. Sed ja : kompreneme, kunlaborante, por la bono de l'efektiva homaro.

5. *Esperanto signifas « spirita liberiĝo ».* — Lingvo ebligas konscion. Konscio kondukas al karaktero. Karaktero postulas liberecon. Kian grandegan efikon havos lingvo ĉiuhoma ! Sole per ĝi homo vere sentas sin « homarano ». Per lingvo universala unuafoje homeca eduko (ni volas tion !) estos metata malmultekoste je la dispono de ĉiu lernema homo.

6. *Esperantista etiko.* — « Mi vidas en ĉiu homo nur homon, kaj mi taksas ĉiun homon nur laŭ lia persona valoro kaj agoj. Ĉian ofendadon aŭ premadon de homo pro tio, ke li apartenas al alia gento, alia lingvo, alia religio aŭ alia socia klaso ol mi, mi rigardas kiel barbarecon.» (Zamenhof, Deklaracio pri homaranismo, II. Majo 1913). La vorto « klaso » ne valoras pli bone ol « kasto ». Kiu kredas sin « de alia esenco » ne povas esti « idea Esperantisto ». Sed la idea Esperantismo, identa kun la ideo de homeco, ne nur toleras, sed proklamas la individuan malsamecon, apartecon. « Ni ne volas unuformecon, sed harmonion » (Tagore). « Esti si mem » estas postulo de homeco, en la limoj de homeca moralo.

7. *Signifo de l'esperantista « interna ideo »* estas : celi al *pli da homeco* ». Unue en si mem, por esti justa kontraŭ aliaj. Due helpi al aliaj, ke ili atingu sian homecon. Homeco ekzistas de longe : antikvuloj ĝin konis jam. Konfucio nomis ĝin « la unua virto ». La hebreo-kristana « leĝo de amo » apartenas al ĝi. Filozofoj postulis kaj poetoj esprimis ĝin. Tasko de l'idea Esperantismo estas inspiri sin je ĝi. Ĉio farata (de ŝtato, de religio, de apartuloj) por la efektivigo de homeco meritas nian aprobon. Kio pekas kontraŭ homeco, tio signifas por la Esperantismo ofendon.

Feliĉaj la nacioj, kiuj konsentas, ke « Por ŝtato, kiu vere komprenas sian signifon kaj destinon, la nomoj *patrujo* kaj *homaro* sonoras en plena harmonio. »

Ni penu, ke tio okazu ĉie kaj ĉiam.

# Tekniko

## Alumetoj.

De D-ro P. MARTELL.

La okazintaĵoj en Svedlando, la preskaŭa bankroto (laŭ borsa kompreno) de la impona alumetindustrio per la agado de Ivar Kreuger, turnis la atenton de la tuta mondo al tiu ĉi branĉo de l'industria aktiveco. La sveda alumetindustrio ja ludas tiom gravan rolon en la mondo kaj ne malmultaj estas la ŝtatoj kiuj sub ia ajn formo ricevis prunton de l'« alumetreĝo » kontraŭ cedo de monopolo. La alumeto estas fabrikaĵo, nedependa de la konjunkturo.

Historia rerigardo de l' komenco primitiva de tiu ĉi objekto ĝis la nuna perfekta fajrofarilo estas do bone lokita. La arta produktado de fajro estas dum jarmiloj la daŭra zorgo de la homaro. La malnova procedo per ŝtalo kaj ŝtono estis komplika, tiel ke la serĉado je io simpla, pli praktika estas en si mem komprenebla. Kiam la kemio ekkomencis sian triumfan marŝon dum la 19-a jarcento, ankaŭ tiu ĉi problemo fariĝis objekto de serĉado. La nombro de inventoj sur tiu ĉi kampo estas ege granda, sed la solvoj ne kontentigaj. Tiel trovis la kemiisto Döbereiner en Jena, amiko de Goethe, en la jaro 1823 maŝinon por ekbruligi. Ĝi donis flamon en kiu oni metis fajrofungon trempitan en brulalkoholo. Tiu ĉi fajrofungo (tindro) servis tiam kiel bruligilon por fari fajron. Tiu ĉi maŝino disvastiĝis tre multe.

Sed ĉiuj tiuj maŝinoj estis tre komplikaj kaj malpraktikaj. Estis tial granda bonfaro kiam ellaboriĝis la alumeto. Ne estas tial mirige, ke tiom simpla inventaĵo, ja genia solvo, estas aljuĝata al pluraj nacioj. Estas aperaĵo en la homa vivo klarigebla el tio, ke la invento de tiom nepre bezonata objekto kvazaŭ ŝvebis en la aero. La historia evoluo kondukis al kalioalumetoj kaj poste al fosfor-alumetoj. La pariza farmaciisto Derosne laŭdire estis la unua, kiu en la jaro 1816 uzis fosforon por la fabrikado de alumetoj. Sed tiu ĉi invento ne ĝeneraliĝis. Derosne miksis la fosforon kun iu seka substanco, de kio venis la avantaĝo, ke la alumeto ne facile ekbruliĝis, ankaŭ ne tiam, se oni trempis ĝin en likvidaĵon. Oni povis ekbruligi frotante ĉe malglata objekto, ekzemple ĉe korko, tuko, aŭ ledo. La procedo estis signifoplena, ĉar ĝis estis la bazo por la tielnomata frot-alumeto.

La sekvanta paŝo por la evoluo de la alumet-tekniko direktiĝis kunigi fosforon kaj sulfuron je unu miksaĵo. Tiajn alumetojn jam fabrikigis en la jaro 1825 la Londona kemiisto J. T. Cooper, sed ne atingis sukceson. En la historio la demando pri la vera eltrovinto de l'alumeto estas ne klare solvebla, ĉar tuta aro da landoj postulas la honoron por si. Tiel ekzemple de Aŭstrio, kie troviĝas en la patentaktoj de l' jaro 1831, privilegio konsentita al iu Stephan von Romer, produkti frotalumetojn. Stephan von Romer naskiĝis en Ujhely en Hungarujo, kiel filo de kuracisto, studis kemion kaj speciale sin dediĉis al la problemo de l'alumeto. Ion precizan oni ne scias pri tiu ĉi produktaĵo, ĉar ĝi ne trovis vastan uzantaron. Romer mortis en la jaro 1846 akcidente kaj servisto lia misuzis la fidon donitan kaj vendis la inventon de sia mastro kiel la sian. Pri la sorto de la inventaĵo nenio estas konata.

En Germanujo oni konsideras kiel inventiston de l'alumeto la ŝvabon Johann Friedrich Kammerer naskiĝinta en urbeto Ehningen, 24 Februaro 1796 kaj laborinte 1820 en Ludwigsburg kiel fabrikanto de kribriloj. Kammerer estis, malgraŭ modesta naturo, science tre interesita homo, okupiĝis pri kemiaj eksperimentoj kaj fabrikigis interalie la jam aluditan brulmaŝineton de Döbereiner. Fine Kammerer suksegis fabrikigi en la jaro 1832 la unuajn fosforalumetojn, kiuj kvankam ankoraŭ ne perfektaj, estis granda progreso en la alumettekniko. Malfeliĉe Kammerer interligiĝis en politikaj aferoj (la fama festo en Hambach 1848 kie manifestis la germana demokratio por unueca Germanujo) kaj kun aliaj civitanoj li estis arestita kaj malliberigita en la fortikaĵo Hohenasperg. La diro, ke Kammerer tie faris sian epokfarantan inventon, ne estas pravigebla historie, ĉar estas ekster ĉia dubo, ke la alumeto uziĝis antaŭe. Kammerer sukcesis forkuri al Svislando kaj en Zürich li instalis la unuan fabrikejon de alumetoj kaj baldaŭ poste, pliajn en Strasburgo kaj Vieno. Ĉar la fabrikejoj laboris sub la nomoj de la kapitalistoj kiuj donis la monon, ofte okazis ke la inventaĵo mem estis atribuita al ili. Tiel ekzemple en Anglujo la apotekisto Walker en Stockton estis konsiderita kiel inventisto, kvankam li laboris laŭ recepto de Kammerer. La fabrikejoj de Kammerer sukcesis kaj igis lin riĉa viro, kiu multe helpis al la politikaj rifuĝintoj germanaj post la jaro 1848. La amnestio de 1850 permesis al li reveni sian landon, kaj en Ludwigsburg li instalis tiam fabrikejon. Kammerer, malgraŭ

ĉia sperto estis idealisma persono helpinte al multaj amikoj, kio lin ruinigis. Perdinte ĉion li freneziĝis kaj mortis 1857 en sanatorio.

Se la frotalumeto jam signis grandan progreson, ekzistis tamen esencaj mankoj. Oni plendis pri la granda danĝero, tiel ke unuopaj ŝtatoj eĉ devis malpermesi ilin. Estis do nova progreso kiam en 1845 la kemiisto Kopp en Heidelberg trovis la amorfan fosforon, kiu ne estas venena kaj kiu ludis en la alumetindustrio grandan rolon (ruĝa fosforo). Teknika ŝanĝo tiam okazis per la trovo de la tielnomataj svedaj alumetoj, mallonge la « svedoj » dank' al D-ro Rud. Chr. Böttger. Naskiĝinta 1806 en Aschersleben en la prusa provinco Sachsen li estis ĝis 1881 profesoro por fisiko kaj kemio ĉe la Fizika societo en Frankfurt am Main. En tiu ĉi urbo estas monumento je lia honoro en la Botanika ĝardeno.

La alumetoj de Böttger estis iom specialaj ĉar ili posedis ĉe ambaŭ flankoj tian kapeton, unu el ruĝa fosforo la alia kun miksaĵo senfosfora. La longaj lignetoj devis esti rompataj en la mezon kaj poste oni frotis la du finaĵojn. La progreso troviĝas en tio, ke la alumetoj ne estis bruligeblaj ĉe ĉiu objekto, grava pro la sekureco. La nomo « *svedoj* » por la alumetoj devenas el la fakto, ke la fabrikejo Lundström en Jönköping aĉetis la patenton kaj komencis la produktadon grandskale.

Tradukis G. AGRICOLA.

# Literaturo

## La advokato

de ELIN-PELIN.

*Elin Pelin estas pseŭdonimo de Dimitr Ivanov, tre populara el nuntempaj verkistoj bulgaraj., el kies verkoj jam kelkaj aperis en nia lingvo.*

La distrikta tribunalo kunsidis en plena kompleteco. Estis ekzamenata la juĝafero de Mitre Mariin, el la vilaĝo Gorosek, kiun persekutis lia najbaro Petre Mariin pro mortigo de sia ĉevalo.

Estis terura varmeco. Ekstere, en la strato, la blankaj muroj de la kontraŭaj domoj ĵetis tra la fenestroj de la kunsidejo rebrilon lacigan kaj malesperigan de siaj trolumigitaj fasadoj. Oni sufokiĝis en tiu ĉambrego kaj la scivolemuloj estis malmultnombraj. Nur du aŭ tri vilaĝanoj, kiuj estis ankaŭ cititaj kiel atestantoj, sidis senmove sur siaj lokoj kaj aŭskultis kun malfermita buŝo kaj konsternegita aspekto.

La defendanto parolis; estis advokato dika kaj malalta, kun granda ventro, senhara kapo kaj en eluzitaj vestoj. Liaj okuloj estis fiksitaj sur la prezidanton de l'tribunalo kaj de tempo al tempo tirante la manon el sia poŝo, por fingre montri sian klienton, li parolis kun nekredeblaj klopodoj por sufoki kaj frapi la tutan aŭskultantaron. Sed lia voĉo estis malakra, raŭka, kvazaŭ ĝi elirus el fendita tubo. Li kriis, koleris, montris la ĉielon, levante la okulojn al la plafono, kaj ĉe la fino de ĉiu frazo li rektiĝis majeste kaj disŝovis larĝe la brakojn. Sed sur la apatiaj kaj senmovaj vizaĝoj de la juĝistoj estis legebla, kiel ĉiam, tiu juĝa konstanta pacienco kaj indiferenteco, kiuj neniam inspiras esperon.

La prezidanto estis droninta en malproksimaj meditoj. Unu el la juĝistoj desegnis ĉevaletojn. La alia, kiu havis muzikan talenton, estis tirinta antaŭ si grandan noton kaj okupiĝis tre atente pri ĝia grandigo per krajono.

La kulpigito, Mitre Mariin, malgranda, blonda vilaĝano, nudpieda kaj senjaka, sidis sialoke kaj nenion komprenante el la oratoraĵo de sia defendanto, li atente rigardis grandan nigran muŝon kiu, zumante, sin ĵetis kontraŭ la vitro de fenestro, ne povante trovi elirejon. En momento, kiam la advokato ĉesis paroli, por gluti la salivon, Mitre sin turnis al la pordisto, kiu, apogite ĉe la pordo, purigadis indiferente siajn ungojn, kaj laŭte diris al li :

« He, amiko ! elirigu tiun malbenitaĵon ; ĝi sufiĉe zumis en niaj oreloj !...

La juĝistoj lin rigardis ridetante kun indulga kompato. La prezidanto skuetis sian sonorileton.

« Mitre Mariin, vi devas kompreni, ke via situacio de kulpigato ne estas enviinda. La dececo trudas al vi, gardi silenton !

« Ah ! ĝi forflugis ! kriis Mitre, montrante la fenestron.

La juĝistoj denove ridetis. La advokato ĵetis severan rigardon al sia kliento kaj, regalinte lin per bondezira rideto, li daŭrigis :

« Jes, sinjoroj juĝistoj ! Tiuj cirkonstancoj devas, kiel oni diras, esti enkalkulataj. Alivorte, oni devas studi la psikologion kaj, se oni povas tiel diri, la momenton ! Imagu al vi nokton, nigran kiel la diablo, nokton de vilaĝo ! Oni estus ŝovinta la fingron en la okulon ! Mia kliento estas kuŝanta en sia korto, aŭ ie sur la draŝejo, kaj en sia sankta rajto de civitano, li gardas siajn garbojn, la amason da greno, kiun li produktis per sanga ŝvito ; li gardas sian penon, oni povas diri. Tie li estas etendita, laca pro sia ĉiutaga tasko ! Li estas absorbiĝinta en forgeso de ĉio, kiel diras la poeto ! (la atestantoj sin interrigardis perplekse). Li forgesis ĉion ; edzinon, infanojn kaj la ĉielon mem ; la laceco lin profunde endormigis... Sed, subite... Kion ni vidas, sinjoroj juĝistoj ? Kion ? Ne estas paroloj por esprimi ĝin ! La homa lingvo estas senpova ! ... Jes ! Subite mia kliento vekiĝas kaj vidas... Ho, teruro ! La vivo de mia kliento estas tenata per harero ! Ĉu efektive ? Super lia kapo aperas grandega monstro, malbelega, timiga, preta lin manĝegi ! En sia tute natura ektimego mia kliento, sinjoroj juĝistoj, perdas momente la saĝon. Li vidas fajrajn langojn elirantajn el la naztruoj de l'monstro ; li vidas ĝiajn okulojn kun sanga ruĝo, brilantaj pro ebrieco, pro kruelegeco... En sia ekteruro mia kliento tremas. Li ne plu scias kie li estas, li ne scias kio al li okazas !... Tiam, li kaptas sian pafilon kaj paf ! — li pafas ! La monstro falas, poste ĝi leviĝas, saltas super la barilon, forkuras en la kamparon, renkontas amason de pajlo, kuŝiĝas tie subpremita de la doloro kaj... Mortas ! He, bone, sinjoroj juĝistoj, mi turnas min al vi kaj demandas vin pro kio mia kliento estas kulpa, se tiu monstro estis nenio alia ol speco de ĉevalo de iu Petre Mariin ? Ĉevalo ? Iu bagatela ĉevalaĉo kiu apenaŭ kostis kvindek frankojn. Jes, kie estas la krimo ? Kie... Do, sinjoroj juĝistoj, juĝu kaj pensu ! Konsideru ankaŭ du leĝojn : unue la dian leĝon, kiu diras al ni gardi ĉiuminute nian vivon kontraŭ kiu ajn, kaj due la homan leĝon, kiu diferencigas la agojn laŭ kulpaj kaj senkulpaj... Kaj tiuj ĉi du leĝoj malkondamnas mian klienton !...

La advokato ĵetis ĉirkaŭ si gravan rigardon, viŝis la ŝviton kiu fluis de lia frunto, kaj sidiĝis, direktante rideton al sia kliento.

La juĝistoj ekflustris inter si sufiĉe longe. La prezidanto skuis la sonorileton kaj ekkriis :

« Kulpigato Mitre Mariin ? »

« Ĉeestanta ! » — respondis Mitre militiste kaj ekstaris senmove.

« Kion vi povas diri al ni, vi, pri tiu afero ? »

« Kiu ? Mi ? »...

« Jes, vi... Ĉu mi ne parolas al vi ? ».

« He bone, jes, mi tuj diros al vi... ke ĝi okazis tiel.»

« Kio okazis tiel ? »

« La afero de l'ĉevalo,» — laŭte ekkriis Mitre. Ĝi eniris ofte en mian korton. Mi multfoje diris al Petre : Najbaro, enfermu vian ĉevalon, la lupoj ĝin manĝos ! Ĝi kaŭzas al mi domaĝojn. Kion ? Ĝi piedpremas mian ĝardenon. Tuj post kiam noktiĝas hop, ĝi saltas trans la barilon. Tio min ruinigis !... Mi pri nenio koleras sinjoro juĝisto, sed pro la kukurbo. Pro ĝi la koro elsaltos, por diri la veron. Estis kukurbo, sed kukurbo... tia ! Kaj tiu ĉevalaĉo ĝin dispremis ! Mi paciencis, sed mi diris : atendu iom, mi komprenigos cin ! Mi ŝarĝis bone mian pafilon kaj atendis. Meznokte mi iris kuŝiĝi, kiam, jen hop ! ĝi saltas trans la barilon. Kiam la diablo vin puŝas, estas nenio farebla...

« Poste ? » — demandas la prezidanto.

« Poste ! Kion, poste ? — Mi levis mian pafilon kaj ĝi falis surloken.»

« Poste ? »

« Poste ni ĝin trenis, mi kaj mia edzino, ĝis la fino de l'vilaĝo. Tie ni kovris ĝin per pajlo por ĝin kaŝi, poste oni ĝin... trovis.»

La advokato aŭskultis la naivan rakonton de sia kliento, kiu ruinigis lian tutan pledadon, kaj tremis pro kolerego. Li serĉis la rigardon de Mitre por lin konfuzi, sed Mitre ŝajnis esti forgesinta sian defendanton kaj rigardis nur la prezidanton.

« Kiom, laŭ vi, valoris la ĉevalo ? » — lin demandis tiu ĉi.

« Ĝi certe valoris cent frankojn, estis bona ĉevalo » — respondis Mitre.

La advokato fortege ĵetis sian dokumentaron sur la seĝon kaj tuj eliris.

La tribunalo retiriĝis por interkonsiliĝi. La defendanto fortrenis Mitre en la koridoron kaj, tremante pro furiozeco, kriis al li malespertone :

« Besto ! Ĉar vi ne volas mensogi, kial vi prenas advokaton ? »

Kaj li kolerege malsupreniris la ŝtuparon.

[*Trad.* I. H. KRESTANOV.]

# Usona Sportraporto

## Sole vera kaj aŭtentika raporto.

De HEIKAR.

*Kiu atente legas usonajn gazetojn miras pri la ofta malsameco de la raportoj, ekzemple pri sporta okazaĵo. La jena teksto estas kunmeto de tiaj sciigoj, ironie montrantaj la avidon je sensaciaj informoj trograndigitaj.*

John Pinter brile venkis Jack Rundle laŭ punktoj. Estis la plej granda okazaĵo sporta neniam vidita. Centmiloj da rigardantoj partoprenis la gigantan spektaklon. Oni enspezis du milionojn da dolaroj. Krom tio pluvis.

Rundle deklaris, ke li ne povas konkurenci la superajn kapablojn de lia kontraŭulo. Pinter estas la plej granda boksisto tutmonda. Kion li montris estis simple grandioza. Li gratulas al Pinter kore por la sukceso bone meritita. Plie Rundle deklaris : « Pinter ne gajnis, ĉar li pli bone luktis ol mi, sed ĉar mi luktis pli malbone ol li. Unu horon antaŭ komenco de la lukto oni mortpafis mian edzinon. Ĉiu edzo ja komprenas, ke en tia situacio oni ne povas boksi. Mi nur perdis pro tio la lukton, ĉar mia antaŭa negocgvidanto konfiskigis kvin minutojn antaŭ la komenco la tutan enspezon de 600.000 dolaroj. La venko de Pinter rezultiĝas de abomena intrigo. Mi alvokis lin je revenĝa lukto. Ĝi okazos hodiaŭ. Sed antaŭe oni devas deponi por mi 750.000 dolarojn. »

Sinjorino Rundle deklaris : « Oni mortpafis min unu horon antaŭ la komenco de la lukto; mian edzon oni venenigis. Nur tiel oni povas klarigi ties kompletan fiaskon. »

Rundle, laŭ interkorespondaj juĝoj de fakuloj ne havis ŝancon gajni la aferon. La simpatioj de l' publiko estis entute por Pinter. Ĉiuj vetoj notis du minutojn antaŭ la komenco 4 : 1 por Rundle.

John Pinter estas aminda, modesta juna viro. Ĝis nun li estis simpla maristo. Pinter deklaris : « Mi ĝojas je tio, fortege bati Rundle; mi estas la plej granda luktanto de ĉiuj epokoj. Mi alvokas la tutan mondon por lukto. Ĝis nun mi estis simpla maristo. Dum mia juneco mi dufoje havis la morbilon. Mia avino en Texas estas modesta civitanino de la U.S.A., kaj ŝi certe ĝojegos. Por malpli ol unu miliono da dolaroj mi ne plu luktos.

Ĉiuj rigardantoj, kiuj vidis Jack Rundle antaŭe, interkonsentis, ke li efektive ne serioze luktis. Neniam Rundle estis tiom indiferenta. Jack Rundle estas nura ombro de lia antaŭa personeco.

Krome ekkomenciĝis post la unua rondo, forta pluvo.

Jam post la tria rondo la venko de Pinter estis decidita. Post la kvara rondo Pinter fariĝis Honora Civitano de Novjorko. Post la kvina li estis elektita rektoro de la Universitato en Filadelfio. Post la sesa rondo alvenis lia nomigo al la estreco de la ŝiparo usona. La ŝtata prezidanto rezignis favore de li je sia ofico.

Kiam la signalo anoncis la finon de l' lukto, Rundle ne povis plu teni sin je siaj piedoj. Senvive oni transportis lin de la ludkampo. La maldekstra okulo estis fermita, la dekstra forte vundita. Lia vizaĝo estis nura sangaĵo. Krome fluis la sango kiel rivero el buŝo kaj nazo. La publiko freneze ovaciis.

Krome falis torentosimila pluvego.

Laŭ deklaro de la kuracistoj, Rundle restariĝos post ne pli ol unu horo; lian nazon oni rearanĝos laŭ modelo de Praxiteles. La kostoj estas 135.000 dolaroj.

Jack Rundle partoprenis duonhoron post la lukto je solena tagmanĝo honore de l' venkinto Pinter. Li aperis en frako kaj blanka kravato, ambaŭ el la laborejoj de Firmo Uncle kaj Sam, Novjork-Civito. Li ne montris signon de laceco. En detala toasto li glorlaŭdis la nekompareblan batalspiriton de John Pinter, kies elekto al la prezidanteco de la Pennsylvania Railway (Kapitalo 800 milionoj da dolaroj) ĵus alvenis. Rundle taksis la netan profiton el la lukto je unu miliono. Krome li gajnas 500.000 pro la propagando, portante la vestaĵojn de firmo Uncle kaj Sam. Sinjorino Rundle deklaris ke oni mortpafis ŝin. Neniam ŝi estis tiom morta kiel nun. Plie pluvis forte. Ĉar ŝi estis konvinkita pri la malvenko de Rundle, ŝi jam anoncis la eksedziĝon post la dua rondo. La eksedziĝo efektiviĝis dum la sepa rondo.

Krome pluvis iom.

Kiel boninformitaj personoj sciis jam delonge, Sinjorino Rundle fianĉiniĝis antaŭ la komenco de la lukto kun John Pinter.

La ŝtata prezidanto alvokis Pinter por lukto pri la prezidanteco; nur la plej granda boksisto estus inda, okupi la seĝon en la Blanka Domo.

*Trad. Riseram.*

# La lasta bandito

*De Vlad. Azov.*

Eksentinte la alproksimiĝon de la morto, la bandito « Disŝiritaj Naztruoj », glorkonata en la kriminalaj romanoj kaj eternigita en la policaj filmoj, kunvenigis ĉe la mortlito siajn filojn :

— « Infanoj miaj », — diris la bandito, vi certe atendas, ke mian antaŭmortan parolon mi finos per la klasika alvoko de foriranto : « Daŭrigu la aferon de via patro ? »

— Ne, infanoj miaj. Ne nur mi ordonas al vi sekvi mian vojon, sed mi petegas vin : serĉu al vi alian metion. Ĉar mi estas venkita.

Komence de mia kariero, mi laboris per simpla ferkojno, nomata en nia bandita dialekto « fomka », kaj mi laboris plensukcese.

Mi disfendis la tiamajn nekomplikajn nebruligeblajn murŝrankojn kaj plenigadis mian valizon per altvalora monpapero, akcioj, prunteprenoj kaj obligacioj multe plialte taksitaj ol laŭnome.

Laŭ tio, kiel la posedantoj de tiuj monŝrankoj plifortigadis la sindefendon, mi plifortigadis la atakon : ili ekkonstruis monŝrankojn el kirasita ŝtalo — mi ekhavigis al mi la mekanikan ilaron. Ili plidikigis la pariojn de la monŝrankoj — mi memarmiĝis de la acetilena lampeto kaj de konservujoj de oksigeno. Ili alkuris al betona fero- mi al dinamito. Ili elpensis la sistemon de elektraj kontaktoj- mi ellernis ilin fuŝadi. Kaj nun ili ekhavis por la sindefendo la fotoelektran ĉeleton, kiu alarmas tuj, kiam iu troviĝas en ĝia abomena mekanika kampvido.

— Infanoj miaj, vane ili solenfestas la venkon. Vane ili pensas, ke mi ne elturniĝus el tiu diabla foto-elektraĵo. Dediĉinte la necesajn elspezojn kaj alvokinte por helpo la sciencon kaj la teknikon, kiuj kun laŭdinda senpartieco egale volonte laboras por la defendo, same kiel por la atako, mi estus trovinta la rimedon ekblindigi tiun-ĉi abomenan mekanikan okulon, sed, infanoj miaj, la tuta ludo ne plu valoras la kandelon... La cirkonstancoj estas tiaj, ke la banditismo ne plu pravigas la elspezojn, sed alkondukas al tujminaca ruino.

« Ili » kredite havigas al si diversajn defendajn aranĝojn, poste bankrotas kaj pagas al la kreditoroj po 10 centimoj por unu franko, dume ni estas devigataj por nia ilaro meti monon sur la tablon. Forpasis tiuj tempoj, kiam mi aĉetadis por unu groŝo sur la pula vendoplaco « fomka » kaj per ĝi frakasadis la nebruleblajn monŝrankojn kaj ŝtopigadis miajn poŝojn de efektivaj valoraĵoj. Nuntempe mi elspezas por acetilenaj kaj oksigenaj aparatoj, por la mekanikaj boriloj kaj disfendigante la monŝrankon-mi tremas : ĉu mi pravigos miajn elspezojn ? Ne parolante jam pri risko kaj penado !...

Filoj miaj, dividu inter vi mian havaĵon, frukto de frakasado de grandioza, nebrulebla monŝranko, ŝirmita de sistemo de elektra kontakto-operacio, por kiu mi elspezis la tutan kontantan monon, kaj neniam okupiĝu pri tiu aĉa metio, pli bone fariĝu...

Sed « Disŝiritaj Naztruoj » ne sukcesis fini sian paroladon, ĉar la ruzkaŝiĝinta morto ekforĝis en tiu momento liajn lipojn. Kaj englutante la larmojn la filoj ekkomencis dividi la restitan havaĵon de la reĝo de banditoj, frukto de frakasado de grandioza moderna, ŝirmita per la lastaj trovitaĵoj de la tekniko, nebruligebla monŝranko.

— Jen, diris la plej aĝa de l' fratoj, alproksimiginte al la malpliaĝa grandegan binditan per ŝnurego, paketon da papermono- ci prenu al si ĉiujn tiujn draĥmojn !

— Treege dankema ! — ekkriis la donacito — kaj por ilin ŝanĝi mi bezonos veturi al Greklando ? Kaj kie mi prenos monon por la vojaĝbileto ? Ĉu ŝtele mi iru tien ? Donu al mi almenaŭ 50 frankojn por la vizo.

Kaj jen, tio estas por ci, — daŭrigis la dividon la plej aĝa, kaj almetis al la tria frato la amason de akcioj kun kompleta listo de kuponoj.

— Ege mi ŝuldas al vi — ekkriis la ricevinto. Akcioj de Kreuger kaj Toll ! po 50 centimoj la ekzemplereto. — Donu almenaŭ por la taksio, diablo : ili ja pezas kilogramojn ! Aŭ ĉu eble forĵeti al diablo la kuponojn ?

— Amikoj miaj, diris la plej aĝa frato, enmetante en sian valizon la perfektigitan patran ilaron — mi agis kun vi noblanime. Vidu kion mi prenas por mi : la labor-ilaron de l' patro iĝinta tute senutila post kiam tiuj friponoj-financistoj sin protektas per la foto-elektra ĉeleto. Kien mi metos tiun ĉi ilaron ? Mi ĝin vendos por unu groŝo al la historia polica muzeo ? Aŭ al kinematografa laborejo por krimul-filmo ?

En silenta ĉambro sur la mortlito glaciiĝis malrapide la senspira korpo de la lasta bandito.

De la strato aŭdiĝis la aŭtomobilaj klaksonoj kaj la krioj de vendistoj de vesperaj ĵurnaloj :

« Greklando deklaris kompletan moratorion. »

« Ankoraŭ pri la krako de Kreuger kaj Toll... »

« La nebrulebla monŝranko de juvelisto kontraŭstaris al la atako de banditoj... »

« Nu, kiaj tempoj », eksopiris la plej juna filo de la lasta bandito, kaj sin turnante al la dua : mi donas al vi paketon da draĥmoj, aĉetu por mi la vesperan ĵurnalon kaj cigaredojn.

— Ne plu restas tiaj malspritulo j : ĉiuj edziĝis ! ironie respondis la dua. Kaj jen ! mi donos al vi dekon da akcioj, donu al mi el via tramveturila libreto unu bileteton por la tramo.

En silenta ĉambro sur la mortlito malrapide glaciiĝis la senspira korpo de la lasta bandito.

El « *Posledni Novosti* »,
trad. N. OUMANSKY.

# Klarigo.

De Raymond SCHWARTZ.

*Jus hodiaŭ, ĉirkaŭ la tagmezo,*
*Laŭ kapric' de l'vojo mi renkontis*
*Kamaradon, kiu kun komplezo*
*Min al kaf' inviti tuj volontis.*

*Brilradi' emfaza de l'rigardo*
*Vetkonkuris floron de l'mieno*
*Kaj atestis same pri bonfarto*
*Kiel pri afabla mondkompreno.*

*Iom poste, preskaŭ samaloke,*
*Dank' al cirkonstancoj de l'okazo,*
*Retroviĝis mi salutalvoke*
*Kun amiko nazon kontraŭ nazo.*

*Sed li grumblis, ŝajnis malkontenta*
*Kaj neniel ĝojis pri l'renkonto;*
*Lace trenis sin parol' lamenta*
*Kvazaŭ gluo el venena fonto.*

*Por kompreni tiun ĉi ekscentron*
*Mi konkludon (post medit') aranĝis :*
*« Se l'unua havis plenan ventron,*
*Certe l'dua ne ankoraŭ manĝis ! »*

# Esperantista parolejo

## Pri organizo

*En « Heroldo de Esperanto » n-ro 36 en sia ĉefartikolo S-ro Teo Jung bonvolis rilati al la kongresaj okazintaĵoj. S-ro Oscar Bünemann, Delegito en Hamburg direktis jenan leteron al la redakcio de « Heroldo de Esperanto » :*

Mi ĵus ricevis kaj legis « Heroldon » N° 36 kaj bedaŭras, ke en la ĉefa artikolo ĝi polemikas kontraŭ la UEA laŭ maniero, kiu ne montras komprenemon pri la rolo, kiun ĝuas UEA. Se tiom facile povus kungluiĝi UEA kun la Naciaj Societoj, oni devus sin demandi, kial UEA en 1908 estas fondita.

La Naciaj Societoj unuflanke kaj la internacia organizo UEA aliflanke ne ludas saman rolon kaj devas plugi ĉiu sur sia speciala kampo. La kriza epoko, en kiu ni troviĝas, montras la neceson trovi iun aranĝon, per kiu estu evitata al la esperantistoj la altaj spezoj, kiujn kaŭzas duobla organizo : landa kaj internacia. Kaj, se oni trovus sistemon, por eviti, ke tra tro multaj diversaj kanaloj estu forfluigata la mono de la samideanoj, la tasko de la elektitaj komisionoj estus solvata.

UEA laboras sur internacia kampo, kaj ĉiu esperantisto, kiu estas ano de UEA, scias ke li apartenas al granda internacia samideanaro, kiu havas en multaj punktoj komunan volon. Estas tute negrave, ĉu UEA havas dekmil aŭ tridekmil anojn sur la terglobo; kompare kun la nombro de homoj sur nia planedo, la nombro de UEA-anoj restos ĉiam malgranda. Por la individuo, kiu apartenas al UEA, la konscio, labori kune kun aro de okmil aŭ dekmil personoj per reciproka servado, estas jam tre kuraĝiga kaj ĝojiga. Ĉiu el ni volas, ke kresku la nombro de la kunbatalantoj; sed ni ne volas, ke estu oferata unu el la ĉefaj punktoj — se ne la plej grava punkto — de nia celado. Tio estas : la ekzisto de organizo super ĉiuj nacioj, sendependa de ĉia naciisma tendenco, reprezentanta la veran spiriton de Zamenhof, la internan ideon mem de nia Esperanto.

Aparteni al tia supernacia organizo, kvazaŭ al la konscienco de la esperantmovado, tio estas la fiereco de la UEA-anoj. Permesu, ke mi komparu ĝin al la katolika eklezio, kiu estis dum jarcentoj la konscienco de la okcidentaj popoloj, sendependa de la imperiestroj, reĝoj, grafoj, dukoj k.t.p., kiuj malpacis inter si kaj konfuzigis la mensojn de siaj regatoj. Kion dirus la centro de la eklezio, se hodiaŭ la diversaj ŝtatoj dirus, ke ne povas ekzisti du organizoj kaj ke pro tio la ŝtatoj dependigu de si la tutan eklezion ?

Dum la milito ni havis la sperton, ke disfalis ĉio, kio pere de la nacioj estis internacie organizita; sed staris kiel firma roko nia UEA, kies organo, la revuo « Esperanto » atingis la esperantistojn kaj diris al ili, ke ekzistas ankoraŭ ĉie samide-anoj kaj ne mortos la ideo de tuthomara solidareco malgraŭ ĉiaj barbaraĵoj kaj malprogresemaj faroj de la nacioj kaj de la naciaj esperantosocietoj en ĉiuj landoj.

Ondo de tia barbareco denove minacas la mondon. La nacioj konstruas doganbarilojn, kaj la esperantistoj, kiuj kun vunditaj koroj rigardas la sensencaĵojn, kiuj okazadas, sopire atendas la tagon, kiam remalŝvelas tiu ondo de stulteco. Ili volas teni viva la fajron de internacieco, dum kiam la reprezentantoj de la naciaj societoj, infektitaj konscie aŭ ne de la laŭmoda tendenco, dependigante nian fortan rokon de la kaprico de naciaj organizoj, minacas la emblemon de niaj esperoj : la UEA-on.

Multaj esperantistoj, kiel mi, eksiĝos el sia nacia organizo, kiam tiu ĉi fariĝos ekstreme nacia. Ni jam havas la ekzemplon de tia kliniĝo antaŭ la regantaj ŝovinistaj partioj. Por tiuj, kiujn kaptas naŭzo antaŭ tia sinteno, restas kiel savo la UEA, internacia centro de la veraj ideaj esperantistoj.

La UEA agis tute konsekvence kaj tute prave, ne partoprenante en la komisiono elektita, por mortigi se ne la nomon de UEA, tamen ĝian esencon.

---

*El korespondaĵo de Profesoro Boucon en Annecy Francujo, ni ĉerpas :*

En la lasta numero de « Esperanto » mi legis kun intereso la ĉefartikolon pri la eventuala sorto de UEA. Tro multaj samideanoj forgesas, ke ni entute estas idealistoj t.e. ia elito, kies nombro ne povas kreski tre rapide, pro tio ke la popolamaso ankoraŭ nun tre malforte sentas la bezonon pri lingvo internacia. Tial vidante ke ili ne tuj konkeras la mondon, la malpacienculoj kulpigas jen la lingvon mem, kiun ili volas plibonigi, jen la organizon de nia movado, kiun ili volas modifi. Hieraŭ legante Sennaciulon mi konstatis kun plezuro, ke Kamarado Lanti mem en la protokolo de la SAT kongreso tre laŭdas la organizon de UEA, kiun la proletoj li diras, devas imiti, por eviti ĉian malpacon aŭ skismon. Tre prave vi diras, ke UEA per sia supernacia karaktero, per sia jarlibro kaj per la pureco de la Zamenhofa lingvo, estas la plej firma kolono de nia movado. Ja jes, UEA estas memstara kaj nenia ekstera instanco rajtas decidi, ĉu ĝi devas plu vivi aŭ morti.

---

*S-ro John M. Baxter, Ano 28828 en Glasgow, Skotlando, skribis, 9.9.32 :*

Plezure mi kunsendas unu britan funton kiel donacon por helpi al UEA kaj por montri mian simpation kun la Asocio, en tiuj malfacilaj tagoj. Esperanto bezonas la naciajn kaj internaciajn societojn sed nenio valoras sen la internacia : La UEA. Kun ĉiuj bondeziroj por ĝia triumfo, memstareca se necese, mi restas, samideane via J. M. B.

---

*El korespondaĵo de S-ino Marthe Petit, D de UEA en Dijon, helpantino de kunfondinto de UEA, Prof. Rousseau :*

Mi sciiĝas de la gazeto « Esperanto » la kongresajn okazintaĵojn. Mi deziras skribi al vi, ke mi restas fidela al UEA kaj restos, kio ajn okazos.

S-ro F. A. Goodliffe, D de UEA kaj Dumviva Membro skribas :

« Permesu ke mi gratulas S-ron Stettler, pro sia sinteno ĉe la Pariza Kongreso kontraŭ la ensorbo de UEA en novan Internacian Organizon. Laŭ mia opinio UEA nur staras firme inter la aliaj internaciaj kaj naciaj organizoj pro tio, ke ĝi evitas, kiel diras D-ro Privat « Politikaĵojn ». Eĉ se perdiĝas ĉiu alia organizo, ĉu per politikaĵo, ĉu per financaj kaŭzoj, UEA povas sole daŭri la batalon por internacia lingvo kaj servoj. Sed se UEA perdiĝos en marĉejo de ŝanĝemaj malfortaj organizoj, ne restos espero.

---

Je la 9-a de Septembro, portugala ĉefdelegito de UEA ĉe Radiostacio Lisbona diskonigis :

Mi elektas kiel temon de mia hodiaŭa paroladeto mian sindonemon al Universala Esperanto-Asocio.

De mia ekesperantiĝo mi aŭdas paroli pri ĝi kaj mi kutimas labori kun ĝi, mi admiras entuziasme ĝian nediskuteblan viglecon kaj esperantisman tutzamenhofan laboron.

Tiel la Ideo kaj la Asocio vivas kune, kaj mi certe suferos, se tiu-ĉi malaperos, kvazaŭ Esperanto ankaŭ plu ne estus.

Nur per nia monata revuo « Esperanto » mi sciis la falon de la kontrakto de Helsinki kaj la francan projekton por la starigo de nova internacia organizaĵo. Mi tute apogas la rezolucion de UEA kaj gratulas ĝin pro la deklaro vere simpatia kaj esperantisma.

Kiel Delegito de UEA en Portugalujo mi ankaŭ deklaras ke mi bedaŭras la kongresan rezolucion pri Helsinki kaj estas preta labori kiel eble plej konscie por ke *Universala* estu ĉiam la unua el ĉiuj organizoj.

En tiu vojo kaj profitante esti antaŭ mikrofono, pritraktante tian temon, mi petas al ĉiuj aŭskultantoj aliĝi al UEA, precipe al la portugaloj kies Teritorion mi gvidas. La kotizo de membro abonanto estas laŭ ĉiuj vidpunktoj favora -Esk. 30£00 pojare kaj tiuj kiuj tuj aliĝos ricevos ekde la proksima Oktobro ĉiujn Asociajn rajtojn ĝis la fino de 1933.

Ĉiu membro ricevos dokumentajn presaĵojn kaj povos uzi la servojn de la Delegitaro. Al scienculoj, kolektantoj, vojaĝantoj, literaturistoj, al ĉiuj kiuj interesas sub iu ajn vidpunkto la internacian vivon, interesas la aliĝo, la tuja aliĝo al Universala Esperanto Asocio.

Mi finis la dissendon.

SALDANHA CARREIRA.

---

*Ni havis jam kelkfoje okazon aludi tie-ĉi la organizaĵon de la klasbatalanta esp. movado, S A T., kiu laŭ organiza strukturo similas al UEA. En ĵus ricevita Protokolaro de la XII-a Kongreso de SAT, ni trovas jenan interesan konstaton, kiun ni represas :*

La Kameradoj, kiuj revas pri unueca organizsistemo en formo de Internacio, ŝajne ne scias, ke la neŭtraluloj jam spertis tiun organizformon. En la jaro 1913, ĉe la naŭa, Berna Kongreso ja estis starigita la Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Societoj. Sed la organiza problemo per tio tute ne estis solvita, kaj ne ĉesis la disputoj. Ili daŭris, daŭras kaj daŭros tiom longe, kiom la esperantistoj ne komprenos, ke la malrapida kresko de la esperanta movado ne kuŝas en la organizsistemo mem, sed en tio, ke la bezono por internacia lingvo ne ankoraŭ ekzistas ĉe la ĝenerala publiko. La plej genia organizsistemo ne povus forigi tiun fakton. Sed por klarigi la malrapidan kreskon de la mondlingva movado, la esperantistoj prefere kulpigas la organizmanieron — simile al la idistoj k.a. mondlingvanoj, kiuj kulpigas la nesufiĉan perfekton de Esperanto. Ĉu tio signifas, ke la formo de organizaĵo estas tute indiferenta ? Kompreneble ne ! Kaj pri tio ni devas atenti la instruojn de la historio. Kion instruas al ni la neŭtrala movado ? Se ni lasas flanke oficialajn instituciojn, kiaj estas la Lingva Komitato kaj la Akademio, kiuj havas tute limigitan kampon, ni konstatas ke nur UEA povis elteni kaj vivi inter la amaso da pli malpli mortnaskitaj entreprenoj, celantaj organizi la esp-istaron.

Tial ke la neŭtrala Kongreso nunjare okazis en Parizo, ni havis la eblon kun ĵurnalista enirkarto ĉeesti kelkajn kunsidojn de tiu Kongreso. Nu, estis okulfrapa konstato, ke UEA estas la sola reala forto, estas la spino de la neŭtrala movado. Por ni ne estas dubo, ke sen la kreaĵo de Hodler, kiu celis tre konscie utiligi esp-on por praktikaj celoj, kredeble la espmovado ne eltenus kontraŭ ĉiuspecaj t.n. plibonigemuloj.

Ĉe la fondkongreso de SAT, en Praha, ni diris, ke nia organizo devas iel esti la « UEA de l' proletaro ». Post dekunu jaroj ni ne ŝanĝis nian opinion. Ni restas konvinkitaj, ke la aliĝo se SAT en ian Internacion alportus nenion efektive bonan al nia afero, sed male, ke tiu eksperimento povus eĉ ĝin tre domaĝi.

---

## Pri Servaro de UEA

Pri ĝi aperis recenzoj en aro da esp., periodaĵoj plejparte favoraj. La libreto estas provo, kun ĉiuj mankoj de tiaj provoj, mankoj forigataj en estonta eldono, pli ampleksa ankoraŭ. El multaj laŭdoj ni citas la jenan, kiu pruvas la utilon de tiu ĉi eldonaĵo :

« Ĵus hieraŭ mi ricevis la *Servaro*-n kaj konstatas, ke ĝi estas bonega ideo kaj ĝuste trafis tion, kion mi antaŭe skribis dezire. Inter aliaj, p. 4-10 — paĝoj de ciferoj estas multe utilaj. Tia statistika studo fariĝas pli kaj pli grava.

KUWAHARA-TOSIHIDE, ano 36607, Osaka.

---

## Pri Jarlibro 1932

Pri la nuna formo de la Jarlibro ni ricevis aron da opinioj preskaŭ ĉiuj aprobantaj. Eli ili ni citas unu, kiu kvazaŭ resumas la plimulton :

« Mi deziras gratuli vin por la nuna Jarlibro. Laŭ mia opinio ĝi estas triumfo kaj vi meritas la koran dankon de ĉiuj anoj de UEA. Mi estas tre malnova ano kaj Delegito, kiu laboras silente por nia movado. Koran saluton, sincere la via

VINCENT GRIMMIT, London.

---

## Pri novaj vortoj

La opozicio kontraŭ la troeco de novaj vortoj en nia lingvo estas pruvo pri la kreskinta sento lingva ĉe la publiko. El alvoko direktita al la anoj de la Lingva Komitato de S-ro Henriko Fischer-Galati, Bucuresti ni opinias utile represi partojn, kiujn ni kredas pripensindaj. Temas pri oficialigo de novaj vortoj :

I. *Mi proponas ke oni tute ne plu oficialigu internaciajn vortojn, ĉar laŭ regulo 15a ili jam estas esperantistaj.* Se oni jam ne povas ilian superfluan uzadon malpermesi, oni almenaŭ ne plu kuraĝigu tiujn, kiuj kliniĝas antaŭ ĉiu vorto kunmetita el grekaj kaj latinaj eroj, konsiderante ĝin « *scienca* » ĉar neniu ilin plu vere komprenas aŭ « *eleganta* » ĉar la altranguloj ĝin uzas. « Terpriskribo », ekzemple, kvarsilaba, el tri simplaj radikoj kunmetita, kiuj bone klarigas la sencon, estas « tro peza », sed « geografio », greka vorto kvinsilaba, el « ge » : tero kaj « grafein » : skribi, kiuj nur aludas la ideon, estas tamen preferinda !

II. *Mi proponas ke oni ne plu enigu en nian Komunan Vortaron, fakajn esprimojn, por kiu ili estas danĝera balasto.* Vane vi serĉos, eĉ en granda germana vortaro, la dekmilojn da teknikaj terminoj, kiuj ampleksas jam 14 volumoj de la Teknikaj Vortaroj de Schlomann. Faka vorto aperas kaj malaperas laŭ la evoluo de la scienco kaj ni eternigas per la oficialigo, vortojn eble ne plu kompreneblajn aŭ eĉ ridindajn por niaj posteuloj. Kiel sensistema estis ĝis nun la enigo de novaj radikoj en nian Oficialan Radikaron, en kiu kvazaŭ nur hazarde kolektiĝis la eroj de la 4 aldonoj, oficialigaj plej ofte, nur por eviti la riproĉon, ke la Akademio malhelpas la « naturan » evoluon ! Vane oni demandas sin, kial « optiko » estas jam oficialigita, dum « akustiko » dependas ankoraŭ de nia voĉdono, kial « singularo » kaj « pluralo » ne eniris kune la paradizon.

Kiel oni jam elprenis la internacie kompreneblajn vortojn el la Oficiala Radikaro, kolektante ilin en aparta listo, oni nun elektu ankaŭ ĉiujn fakajn vortojn (zoologiajn, botanikajn, teknikajn), aldonante ilin al scienca terminaro, starigota de fakularo kaj uzota nur de tiuj, kiuj ĝin bezonas. La restanta vortaro estu de nun por niaj verkistoj bona instigo, montri ilian lertecon per la ĝisfina eluzado de la miloj da eblecoj, kiujn donis nia Majstro al sia infano. Esperanto estas helpa lingvo, ne ĉiutage uzota, kaj nur priskribe kunmetante la vortojn, ne volapüke ilin fabrikante aŭ simie ilin imitante, vi estas certaj interkompreniĝi kun ĉiu fremdlanda samideano, provanta per ĝi kun vi paroli.

Nur 23 vortojn mi elektis el la proponitaj 220, kelkaj el ili estante nepre bezonaj, kelkaj eble, kelkajn nur, ĉar aliaj, samspecaj, jam estas oficialigitaj. Elĵetu la tamen ankoraŭ superfluajn !

« *Agnoski, aperturo* (zamenhofa), *arbusto, avantaĝo, bilo* (ĉar kambio), *fono* (jam Z.), *gambo* (nur pro « kruro » kaj « femuro »), *grefti, ĝangalo* (aŭ ĝunglo), *kalvario, kancero, kirurgio*, (ĉar medicino), *kompleksa, koncipi, padeli* (jam Z.), *pilo, prestiĝo* (jam Z.), *skandi, skorio*, (jam Z.), *smirgo* (jam Z.), *statuto* (jam Z.), *ŝablono* (jam Z.), *vando* ».

Kaj se oni ne akceptos mian proponon rilate al la internaciaj kaj fakaj vortoj, aparte kolektotaj, tiam estu almenaŭ avaraj kaj voĉdonu *nur* por tiuj 15 radikoj, kiujn postulas iliaj jam antaŭe elektitaj samuloj :

« *Akustiko* (pro optiko), *antracito* (pro lignito), *edelvejso* (pro aliaj botanikaj terminoj), *folkloro* (pro aliaj sciencoj), *jambo* (pro anapesto), *kampanulo* (bot.), *kasacii* (pro apelacii), *kobajo* (pro aliaj bestoj), *multipliki* (pro adicii, dividi), *numido* (zool.), *perpendikulara* (pro horizontala, vertikala), *singularo* (pro pluralo), *skombro* (zool.), *subtrahi* (pro adicii), *trokeo* (pro anapesto) ».

La sekvantajn 5 *nur* ĉar ili bezonas limigon de ilia senco, kiu en la internacia uzado estas multobla : « *filatelio* (nur kolektemo de poŝtmarkoj), *filigrano* (nur teksaĵo, ne marko en papero), *filmo* (nur la kinematografia), *inkrusti* (nur enige ornami, ne supraĵon kovri), *patriarko* (nur pastro, ne prapatro) ».

Aliajn 12 internaciajn, *nur* tial ĉar ilia senco bezonas klarigon por neeŭropanoj aŭ nekleruloj :

« *Apostato, debuti, halucini, hordo* (jam Z.), *kakto* (plibone kaktuso), *klerikala, metalurgio, monotona, pruda, pseŭda, tereno, varieteo* (jam Z.) »

Malgraŭ fakaj, tiuj 7 estas *eble* utilaj ankaŭ al nefakuloj :

« *Anuso, apendicito, asbesto, balgo, heleno, hipotenuzo, sekestri* »,

sed tiu vorto « eble » jam montras la tutan dilentantecon de tia metodo.

*Tute ne* bezonas la oficialigon, ĉar nia Majstro ilin jam « majstre » oficialigis per la regulo 15a jenaj 13 el la proponitaj kaj miloj de aliaj vortoj (kial ne proponitaj ?), tute internacie kompreneblaj. Fiksu ni ilian ortografon en specialaj listoj por eviti la arbitron kaj por montri kiuj vortoj estas vere internaciaj, ne nur al iuj tiel ŝajnantaj :

« *Betono, ĵazbando, kabareto, kinematografo, kokaino, mekanismo, orangutango, plagiato, radiumo, skio, ŝofero* (ne ŝof-Oro), *tendro, traktoro* ».

*Neniun* lokon mi donus al la jenaj 27, ĉar ili estas pure fakaj kaj ilia nombro facile centobligebla. Estas inter ili vortoj, kiujn mi (farinto de enciklopedio) devis serĉi en... enciklopedio.

« *Akordiono, aliteracio, akonito, amfibrako, apendico, apreturo, bolto, Budao, cerefolio, cirkonferenco, hiato, hiperbolo*, (en kiu senco ?), *kanzono* (kia ?), *klemato, klariono, likva, magistro, modluro, morkelo, nugato, pario, pluskvamperfekto, posesivo, satelito, tabuo, transversa, vinkto* ».

Restas el la tiel longa listo 118 vortoj facile anstataŭeblaj aŭ per alia radiko el nia nuna trezoro aŭ per kunmetita vorto trovita aŭ trovota. Ili estas la rezulto de nura malpacienco, de troa ekzakteco, de infana vortfabrikemo kaj mi intence ilin ne tradukas por al neniu altrudi mian opinion :

« Abolicii, absolvi, aĝioto, amatoro, amendamento, anatemo, angoro, animalo, aplombo, argano, aristo, arkeo, aŭreolo, aŭroro, aviado, bankiero, belvedero, bendo, blago, blanketo, blufi, bremso, buo, bufro, burokrato, damni, delikto, devii, distribui, drasta, drato, dreni, duno, ekonomiko, ekrano, eksplikì, elito, flakono, fuĝi, futuro, gapi, generi, gingivo, gluteo, graki, grapolo, grego, grunti, hasti, heĝo, hemisfero, heni, histo, impeti, imputi, inventi, kabineto, kantiko, kaprioli, kartelo, kaskado, kirurgo, klaŭno, klinko, koĉero, kokri, kontesti, kooperi, kranko, krespo, kulmini, laboratorio, lombardo, magistrato, minus, modli, nano, negacio, neglekti, nudelo, obuso, omleto, orta, persvadi, perversa, plus, promocii, psiko, pudoro, pulio, renomo, sanitara, senso, sino, slango, slipo, stagni, staplo, strebi, strikta, stumbli, surfaco, susuri, suvereno, svelta, ŝoki, ŝrumpi, tajdo, taŭzi, tiĝo, torturo, trajno, treti, tribo, vakcini, vito, volbo ».

Ne aŭskultu tiujn, kiuj krias ke ili nepre bezonas « nuancojn ». La serĉemo de nuancoj plejofte estas nura malebleco precizigi ideon. « La plibono estas la malamiko de l'bono ».

Ne konsideru vortojn teorie kaj analize. *Vorto estas frazero, vivanta nur per la tuta frazo, ne memstare.* Kvazaŭ kolorigila makulo, kiu difektus vian veston, sed donas, enigita per la peniko de la pentristo, lastan perfektecon al majstroverko.

Ĉu ne ŝajnas al vi la supra listo kvazau « fremdlingva » teksto pli aŭ malpli tradukebla en « nian » lingvon ? Pripensu ĉu nia Majstro, ĉu Kabe ne estus povinta verki majstraĵon malgraŭ malpermeso uzi tiujn « nuancojn ». Legu la « folkloron » de simplaj popoloj kun tute malgranda vorttrezoro kaj admiru kiel ili atingas per simplaj komparoj animan profundecon. Ne serĉu la belon en la ĉiam ne sufiĉe komprenota vortaro de fremdaj lingvoj, serĉu ĝin en via propra animo kaj penadu ĝin vidigi per la rimedoj kiuj sukcesis tiel majstre al nia Majstro. *Uzu kaj propagandu jam faritan, ne farotan lingvon !*

*Evoluo, ne evoluigo !*

---

## Atentu distancon!

---

Ano 10065 skribas, ne kiel plendon, sed kiel averton. Antaŭ ne longe mi rivecis (en Aŭstralio) leteron datumitan 20-an de Majo. La skribanto petas informon kiu nepre devas atingi lin (en Centra Eŭropo) la unuan semajnon de Julio. Jen, interspaco de tempo de 6 aŭ 7 semajnoj. Nu, ĉi tiu letero atingis min (ĉar ĝi tute ne povis alveni pli frue per ordinara poŝto) la 4an de Julio t.e. 45 tagojn post skribado. Minimume devas forpasi 35 tagojn por letero per ordinara poŝto ekde Europa ĉefloko al Aŭstralia ĉefurbo, kaj kun intertempo de 7 tagoj por kolekti informon kaj respondi, oni devas allasi 77 tagojn por respondo.

Se vi estas milionulo, kaj povas uzi la aeropoŝton, *via Karachi*, Hindujo, (kaj se vi ĝuste scias kiam vi kaptos ĉi tiun flugantan poŝtportilon) kaj se via korespondanto ankaŭ estas milionulo kiu respondos aeropoŝte, oni povas kalkuli je 50 tagoj minimume por ricevi respondon el Aŭstralio. Sed estas kelkaj — Se — pri la uzebleco de aeropoŝto.

Prefereble estas, ke organizantoj de ekspozicioj k.t.p. kiuj volas varbi subtenon en Aŭstralio, evoluigu en si komprenon pri la tempo kiun okupos korespondajon inter la plej malproksimaj punktoj de nia terglobo. Kvankam ni havas radion, aeropoŝtojn k.t.p.la ordinaraj poŝtoj ankoraŭ iras en ne tre rapidaj vaporŝipoj. Se kelkaj en niaj bonaj amikoj en Eŭropo foje malesperetas pri respondoj el Aŭstralio, ili klopodu — havigi al si tempokomprenon.

LA MEMORON PLIFORTIGAS laŭ metodo trifoje premiita de la Pariza Akademio. Profesoro de mnemoniko D. FAJNŜTEJN, VILNO, Zawalna 15 / Polujo /. Por anoj de U.E.A. speciala rabato. Postulu senpage prospektojn de la memorfortiga kurso en Esperanto.

# Esperantistaj problemoj

## IX.

### La stato de la movado

Aŭdiĝas plendoj, kritikoj ja eĉ kaŝitaj atakoj aperas kontraŭ gvidantoj de nia movado. La nuna tempo similas al kaldrono kun bolanta akvo. Ideoj, hieraŭ ame karesitaj perdas sencon kaj senrespondecaj radikaluloj serĉas enkapigi novajn.

Kritiko estas la necesa korektilo de publika agado. Popoloj ĝin plenumas kontraŭ registaroj per la senditoj al la parlamento, la gazetaro siavice lumigas la aperaĵojn en la publika vivo kaj ilin traktas laŭ sia percepto.

Movado kiel la nia, batalanta kaj varbanta, baraktanta je senfinaj malhelpoj ĉiuspecaj, ne povas sukcesi rapide. Ni nur memoru la malnovan argumenton kontraŭ internacia lingvo « *ke ĝi volas detrui la naciajn lingvojn* ». Necesis jardekoj por forigi tiun ĉi kontraŭargumenton el publika diskutado. Kvazaŭ fosilio revenas de tempo al tempo tiu ĉi diro. Longa estas la vojo al sukceso kaj D-ro Zamenhof konsciis pri tio, post 1907-08.

Esperanto nun ekzistas kiel fakto 45 jarojn. Kiel lingvo uzata nur de 1910 kun certa halto dum la milito. Al nova esperantisto tiu ĉi relative malrapida antaŭeniro ŝajnas stranga. Kaj jen komencas la plendado.

Tiuj plendoj povas esti duspecaj : Aŭ la lingvo ne taŭgas aŭ la kondukantoj de la movado estas entute sentaŭgaj, kaj necesas ilin anstataŭi, aŭ almenaŭ la metodojn kiujn ili sekvas en propagando aŭ praktiko.

Pri la unua speco ni ne parolu. Esperanto vivas kaj en cert. grado prosperas. Prilingvajn opiniojn ni jam kutimas solvi e. spirito afera, objektiva kaj tial fruktodona. Je tio kunhelpis la Idisma skismo en 1908 kiu pruvis post 25 jaroj, ke nia lingva sinteno estas prava. Personoj kiuj foriĝas de Esperanto, pro tio plej ofte estas nuraj lingvaj maniuloj, homspeco kreita pe. la movado por internacia lingvo.

La dua speco estas jam pli klara. Ni ja kutimas, kiam en publika vivo io ne marŝas, serĉi la kulpulon (por kio la germanoj posedas la belan vorton « Sündenbock »). Kulpigi nepersonan kaŭzon, tio ne estas alloga. Kulpigi individuojn, tio ĉarmas, ĉar la homoj ŝatas sensacion.

Kaj tion ni ankaŭ vidas en Esperanto. Dum jaroj stagnis la movado kaj necesis ke venu apostolo, kiu ree entuziasmigu la laciĝintan bravan kolegaron. Estas ekster ĉia dubo, ke Andreo Cseh per sia iniciato plibonigis notinde la movadon en kelkaj landoj. Tamen restas nekontentiga stato kaj revenas la organiza problemo tiom pridiskutita antaŭ la milito. Inter la lastaj publikaj kulpigoj estas tiu kontraŭ la gvido de UEA. Ke UEA jam ne estis favore vidita antaŭ la milito de kelkaj samideanoj kun alia opinio ni nur citu preterpasante. Hodiaŭ ni volas ekzameni ĉu la ioma halto de UEA havas ankoraŭ alian kaŭzon. La plej bona estas vidi kune la ciferojn de la naciaj societoj, kiuj ja en kelkaj landoj grupigas la saman publikon kiel UEA.

El la subaj ciferoj estas tireblaj interesaj konstatoj : La ĉefa estas, ke kelkaj societoj naciaj grade malprogresis laŭ la membrostato. Tiu ĉi malprogreso estas okulfrapanta ĉe la

*Kompara statistiko de la membraro de Naciaj Societoj kaj de Universala Esperanto-Asocio.*

| Nacia Societo | 1913 | 1920 | 1921 | 1922 | 1923 | 1924 | 1925 | 1926 | 1927 | 1928 | 1929 | 1930 | 1931 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentina . . . . . . | — | — | — | 400 | 357 | 357 | 344 | 344 | 338 | 338 | 300 | 300 | 300 |
| Belga . . . . . . . . . | — | — | 500 | 700 | 700 | 400 | 400 | 400 | 570 | 700 | 700 | 900 | 900 |
| Brazila . . . . . . . . | — | — | 130 | 177 | 210 | 267 | 300 | 300 | 290 | 275 | 275 | 250 | 250 |
| Brita . . . . . . . . . | 1.200 | 1.784 | 1.800 | 1.500 | 1.500 | 1.200 | 1.200 | 1.200 | 1.200 | 1.500 | 1.750 | 2.028 | 1.957 |
| Bulgara . . . . . . . | — | — | — | 470 | 600 | 920 | 920 | 1.800 | 2.000 | 350 | 444 | 500 | 500 |
| Ĉeĥoslovaka . . . . | — | — | 500 | 1.100 | 1.100 | 1.500 | 800 | 500 | 500 | 500 | 500 | 500 | 300 |
| G. E. L. . . . . . . | — | — | — | 1.081 | 1.127 | 1.000 | 900 | 900 | 800 | 800 | 700 | 700 | 700 |
| Dana . . . . . . . . . | — | 200 | 200 | 200 | 200 | 225 | 200 | 240 | 240 | 240 | 260 | 240 | 250 |
| Estona . . . . . . . . | — | — | — | 272 | 378 | 400 | 400 | 433 | 382 | 365 | 350 | 350 | 350 |
| Finna . . . . . . . . | — | — | — | 642 | 620 | 620 | 220 | 220 | 220 | 70 | 70 | 70 | 70 |
| Franca . . . . . . . . | 8.000 | — | — | — | 800 | 248 | 248 | 1.234 | 1.292 | 1.502 | 1.578 | 1.578 | 1.578 |
| Germana . . . . . . | 4.727 | 1.655 | 2.177 | 3.551 | 3.531 | 3.531 | 3.046 | 2.946 | 2.230 | 2.475 | 2.475 | 2.191 | 2.114 |
| Hispana . . . . . . . | — | — | 364 | 425 | 425 | 425 | 425 | 300 | 300 | 300 | 300 | 450 | 400 |
| Hungara . . . . . . | — | — | 120 | 200 | 200 | 350 | 550 | 500 | 450 | 450 | 150 | 250 | 650 |
| Itala . . . . . . . . . | — | — | 308 | 698 | 1.825 | 1.825 | 1.825 | 1.825 | 1.825 | 1.600 | 1.200 | 1.200 | 950 |
| Jugoslava . . . . . . | — | — | — | — | — | — | 700 | 700 | 860 | 860 | 1.118 | 1.118 | 1.118 |
| Japana . . . . . . . . | — | — | 650 | 650 | 2.100 | 2.100 | 2.100 | 2.100 | 2.100 | 2.100 | 2.100 | 2.100 | 2.100 |
| Kataluna . . . . . . | — | — | 300 | 400 | 450 | 450 | 300 | 300 | 600 | 600 | 600 | 250 | 300 |
| Latva . . . . . . . . | — | — | — | — | — | 110 | 110 | 110 | 110 | 110 | 120 | 150 | 150 |
| Litova . . . . . . . . | — | — | — | 400 | 500 | 700 | 1.000 | 1.115 | 1.115 | 1.195 | 1.195 | 1.195 | 1.195 |
| Nederlanda . . . . | — | — | 382 | 320 | 295 | 321 | 320 | 325 | 325 | 500 | 600 | 750 | 1.300 |
| Norvega . . . . . . | — | — | 200 | 200 | 200 | 200 | 200 | 100 | 100 | 100 | 100 | 100 | 100 |
| Pola . . . . . . . . . | — | 244 | 244 | 520 | 700 | 700 | 700 | 700 | 689 | ne plu informis | | | |
| Sveda . . . . . . . . | — | 348 | 348 | 387 | 439 | 439 | 284 | 255 | 281 | 266 | 406 | 420 | 800 |
| Svisa . . . . . . . . . | 500 | 260 | — | 212 | 270 | 281 | 281 | 376 | 459 | 459 | 533 | 500 | 650 |
| Sumoj depost 1920 : 25 societoj | | | 8.665 | 14.483 | 18.527 | 18.169 | 17.773 | 19.223 | 19.276 | 17.655 | 17.824 | 18.090 | 18.982 |
| Ciferoj de UEA : | 6.010 | 3.894 | 5.579 | 6.253 | 6.332 | 8.265 | 9.424 | 8.687 | 9.100 | 9.095 | 9.113 | 9.062 | 8.835 |

franca kaj germana societoj. La dua konstato estas la rimarkinda stabileco de UEA, malgraŭ ke ĝi laboras sub tute aliaj kondiĉoj, simila al entrepreno produktanta, sekve kun granda risko.

Tria konstato estas ke la krizo de la organiza penso ne komencis en Esperantujo en 1930 sed jam pli frue. Tion UEA spertis jam pli frue kaj en la raportoj atentigis regule je tio. Estas fakto, ke io ne konvenas al multaj samideanoj. Ke UEA relative pli bone prosperas estas dankata al la servoj kaj al la origina kompreno, ke internacia lingvo devas servi internacie.

La bonintencaj kritikantoj de UEA trovas eble en tiuj ciferoj materialon por kritiki same energie respondecajn gvidantojn de la nacia movado. Sed tiam necesus ankaŭ koni la partan kaŭzon de tiuj malprogresoj : *Estas la ķlasbatala esperantista movado, ķiu forprenis al UEA ķaj al la landaj societoj la progresemajn elementojn ķiuj trovis la « Neŭtralan » movadon tro pala, tro singardema rilate al la nuntempaj problemoj.* Ciferoj tion pruvu almenaŭ por kelkaj landoj :

| | Laborista | Nacia |
|---|---|---|
| *Aŭstrio :* Nacia societo nenion indikis . . . | 2.020 | — |
| *Germana :* Du societoj laboristaj . . . . . . . | 5.450 | 2.114 |
| *Nederlanda :* Laborista federacio . . . . . . | 1.809 | 1.300 |
| *Sveda :* Sveda Laborista Esperanto-Asocio. | 1.000 | 800 |

Tiun ĉi liston ni povus ankoraŭ plilongigi. Ni rimarku plie, ke ekzemple en Ruslando UEA kalkulis en 1913 preskaŭ mil anojn kiuj hodiaŭ ja mankas al ĝi. UEA estas malpermesata en Sovetio. Kompare ni diru, ke la Soveta Esperantista Unio kalkulas proksimume 6.000 anojn kaj havas budĝeton de 96.000 rubloj (1932) kio nature entenas ankaŭ la eldonadon.

Alia fonto de disigeco estas la fakaj societoj, kiuj apartiĝas de la enlandaj societoj. Fenomeno nefacile komprenebla, sed kaŭzata de multaj tre variaj kialoj, parte personaj parte organizaj.

Fina konkludo :

1. El la granda nombro da kursanoj aliĝas nur ero al la loka kaj landa societo, kaj ankoraŭ malpli multe al UEA. Tiu ĉi lasta fakto devenas el la pli alta kotizo kaj la certaj premisoj kiujn devigas la aliĝo al UEA. (Internaciaj interesoj interna ideo, porpaca inklino, k.t.p.).

2. Esperanto ne estas amasa movado. Kompare multaj interesiĝas, lernas la lingvon, partoprenas certan tempon, foriras. Esperanto sin turnas al certa elito inter la homoj.

3. La nuna stato ne estas multe ŝanĝebla rilate je nombroj. La manko de rimedoj por grandstila entreprenado forestas. La nunaj societoj naciaj kiel internacia estas kvazaŭ la « ķerno » la ataktrupo (arditi) de la movado.

Pri aliaj konkludoj tireblaj el la ciferaro ni revenos foje en alia artikolo.

H. J.

---

La Kontrakto de Helsinki metis la decidon pri organizaj aferoj en la manojn de la naciaj societoj kaj de UEA. Ĝia nuligo ne povas forigi unu el la du elementoj.

La Esperantistoj restas organizitaj laŭlande en naciaj societoj kaj internacie en UEA. Nek unu, nek la alia flanko de nia movado povas trudi decidon al la alia. Ili povas agi sendepende aŭ kunlabori.

La membroj kaj delegitoj de UEA povos libere juĝi la situacion kaj fari taŭgajn decidojn laŭ la statuto de UEA.

OBSERVANTO.

## * INTERNI *

# Post la nuligo de la Helsinki-kontrakto

Leteroj de UEA membroj montras firman volon konservi kaj solidigi UEA « kun ĝia fortika strukturo kiu spitis jam multajn ventegojn. » Ĉeĥoslovaka pioniro skribas, ke revolucio eksplodus en lia lando, se oni provus detrui UEA.

« Heroldo de Esperanto » asertas, ke tio tute ne estas la intenco de la Pariza decido, kontraŭe ĝi celas nur reformi kaj progresigi la Asocion. Se tiel estus, kial oni ne faris tian proponon ĉe la kunveno de UEA anstataŭ el ekstero ?

Venontan jaron UEA devos havi sian regulan kongreson laŭ la statutoj. Ĝis tiam restas ankoraŭ tempo por ekzameni proponojn kaj forigi miskomprenojn, se ekzistas iuj.

La subtenintoj de la subita decido pariza estas divideblaj en du klasoj. Iuj estas multjaraj malamikoj de UEA kaj ĉiam rifuzas aliĝi al la Asocio. Aliaj havas pozitivan celon : Ili deziras organizi nian movadon sur la ekskluziva bazo de Naciaj Societoj, kiuj formus federacion anstataŭante la nunan UEA, bazitan sur individuaj membroj.

En iliaj okuloj la avantaĝo estus, ke ĉiu esperantisto havus nur unu kotizon por pagi. Nu, antaŭ du jaroj la komitato de Brita Esperanto-Asocio submetis projekton de unika kotizo al voĉdono de siaj anoj. Ĉiu brita esperantisto estus paginta unu solan kotizon al Londona kaso. Parto de la mono restus tie por la nacia societo. Alia parto veturus Ĝenevon por internaciaj servoj kaj jarlibro.

Kio okazis ? La propono ne ricevis sufiĉe da voĉoj, ĉu pro seninteresо ĉu pro timo pagi pli ol kutime. La unika kotizo sumis malpli ol la du kotizoj al nacia societo kaj al UEA, sed kompreneble pli ol ĉiu el ili.

Tamen estas neeble fari la du laborojn kun la nura mono por unu. Se la brita esperantistaro ne subtenis la eksperimenton proponitan antaŭ kelkaj jaroj, kial ili akceptus nun eĉ multe pli diskutotan sistemon ?

Fidi nur al federacio de naciaj societoj estus grava danĝero por movado, kiu estas fundamente universala. En pli ol kvindek landoj UEA havas anojn. Nur en triono de tiuj landoj ekzistas nacia societo *regule* funkcianta. En pluraj ekzistas eĉ du societoj konkurencaj.

En okazo de milito la rilatoj inter naciaj societoj fariĝus malfacilaj. Pro tio UEA savis nian movadon en tia epoko. Necesa bazo de individuaj kotizoj devas resti. Fundamento estas la grupo kun siaj kursoj kaj sia loka delegito. Tiel ĝin antaŭvidis Hodler fondante la Asocion. Same ĝin organizas la Ĉe-Instituto per siaj kursoj kreante novan publikon en pluraj landoj.

Tamen la naciaj societoj havas sian rolon por propagandi nacilingve. La Kontrakto de Helsinki saĝe kunigis ambaŭ flankojn de nia movado konservante al ambaŭ memstarecon. Nun ĝi estas nuligita.

Post tiu nuligo ne devas okazi batalo inter federacio de kelkaj naciaj societoj kaj UEA. Tio estus perdo de tempo kaj mono, eĉ krimo kontraŭ la movado. Alia formo de kunlaboro povas esti trovata.

Antaŭ kelkaj jaroj S-ro Rollet de Lisle, ano franca de ICK proponis rektajn rilatojn inter UEA kaj naciaj societoj. Tipa formo de kontrakto estus redaktebla por tiuj societoj, kiuj emus al unika kotizo, dividebla inter ambaŭ centroj, nacia kaj internacia. Aliaj restu liberaj.

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 21 Oktobro 1932**

*Korektoj en la Jarlibro 1932.* — Uzantojn de la Jarlibro 1932 ni petas atenti pri jenaj korektoj : (paĝo 101, Bruselo).
VD : (Blinduloj) — F-ino Félicie Staes, 11 Ave. de la Liberté, Koekelberg.
Plie sub Ateno, Greklando aldonu : D : Stavros Patsuris, juristo, 29 Odos Tsamadou.

*Stato de UEA.* — Je la 30 Sept. 1932 la Centra Kaso enskribis kotizojn (de unua de Nov. 1931 ĝis 30 sept. 1932). — Por komparo servu la nombroj por 1931, je sama epoko :

| 1932 | *Kotizoj* : | 1931 |
|---|---|---|
| 103 | Helpmembroj | 99 |
| 2.831 | Membroj (M) | 2.664 |
| 4.439 | Membro-Abonantoj (MA) | 5.085 |
| 541 | Membro-Subtenantoj (MS) | 486 |
| 7.914 (1932) | Stato : 30an de Septembro (1931) | 8.334 |

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. Svis. | 15.000.— |
| 51. S-ro I. Pruidze, Alpana, Georgio | » | 300.— |
| | Frk. Svis. | 15.300.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G.K. de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.
Por faciligi la aliĝon, la Centra Kaso akceptas partpagojn de minimume 12,50 Fr. sv., monate. Dum du jaroj la sumo de 300 Fr. estas tiel pagata. La livero de l'dokumentoj, revuo, jarlibro, premio komencas tuj post unua enpago.

*Nova Jaro de UEA.* — Ni informas la Delegitojn de UEA ke komence de Oktobro eliris de la Centra Oficejo cirkulerletero pri la agado dum 1933, precipe pri la Jarlibro. Kun tiu ĉi cirkulero estis sendita la kutima korekto-folio pri la teksto de via loko. Ni petas rapidan resendon. Dum Novembro eliros la speciala numero de ESPERANTO, sendota al ĉiuj anoj de UEA pri la informoj necesaj del' nova jaro.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Aŭstralio

*Kalgoorlie* (Western). — F-ino Evelyn Marshall, instr., Campbell Str.
*Parramatta* (N.S.W.). — D : S. J. Woolnough, D-ro, kuracisto, 57 Macquarie.

### Aŭstrio

*Semriach* (Steiermark). — D : Anton Minauf, Windhof 70.

### Belgujo

*Mechelen.* — D : Hendrik Rainson, instr., Hoombeeksche Steenweg 54.

### Ĉeĥoslovakio

*Chust* (Podk. Rus). — D : Ján Gejza Ferko, direktoro de Roln. Vzáj. poj.
*Deutsch Gabel* 423 (Bohem.). — D : Alfred Schnabel, kompostito.
*Lanzhot* (Mor. Sil.). — D : Frant. Mráz, pentristo, ul. Pastviska 683.
*Lhotka u Litultovice* (Mor. Sil.). — D : Jan Walter, studento.
*Louny* (Bohem.). — D : Jaroslav Budinka, bankoficisto, Legiobanka.
*Lučenec* (Slovakio). — D : Adalbert Rado, Deak Ferenc str. 4.
*Nestomitz* (Bohem.). — D : Franz Böhm, Mőrkauerstr. 268.
*Staré Mesto-Uherske Hradiŝte* (Mor.). — D : Jaroslav Zák.
*Stren pp. Náklo* (Mor.). — D : Gustav Slezák, staciestro.
*Trest* (Mor.). — D : Stanislav Kopal, studento, Batelovská 825.

### Ĉinujo

*Kweisui* (Suiyuan). — D : Danrealo S. C. Uan, jurnalisto, Sheng Tang Pu.
*Peiping.* — D : Yu Dachyuan, oficisto ĉe Nacia Biblioteko, National Library of Peiping.
VD : Ting-Bih-Chang, oficisto, 15 Shang-Sieh-Chieh.

### Francujo

*Arras* (Nord). — D : Louis Macke, 7, rue de Douai.
VD : Paul Brunet, 7, rue St. Michel.
*Fleury-les-Aubrais* (Loiret). — D : Pierre Roche, inĝeniero, 59, Barrière St. Marc. VD : Jules Ferry, instruisto, Ecole Michelet.
*La Forge par Champagne* (Hte Saône). — D : F-ino Marie-Louise Garnier.
*Soissons* (Aisne). — D : Jules Bourniche, eksinstr., 8, Ave. Voltaire.
*Tarascon* (B. d. R.). — D : Jean-Marie Floret, verkisto, 40, Lubières.

### Germanujo

*Breisach.* — D : Claus Koops, eksfervojisto, Kapuzinergasse.
*Osterwick am Harz.* — D : Herm. Pietzner, mezlerneja instr., Gartenstrasse.
*Penzig* (Oberlausitz). — D : Karl Nejedli, Friedrichstr. 18.

### Hispanujo

*Fuenmayor* (Logrono). — D : Louis Talma, Bodegas del Romeral, F. Azpilicueta S. A.
*Tous* (Valencia). — D : Francisko Orto Miralles, Calle la Virgen.

### Honduraso

*Olanchito.* — D : D-ro Pompilio Romero, kuracisto.

### Hungarujo

*Kecskémet.* — D : D-ro Lukacs Gyula, II, Széchenyi kőrut 9.

### Japanujo

*Jamaŝiro* (Iŝikaua Ken). — D : Tookiĉi Takeuĉi, Jamaŝiro machi.

### Madagaskaro

*Fianarantsoa.* — D : D-ro Michel Bouillat, Médecin-Inspecteur de l'A.M.I.

### Meksiko

*Aguascalientes.* — D : José Villalobos Franco, Primo Verdad 16.
*Tampico.* — D : Isaias F. Fajardo, poŝtoficisto, Oficina de Correos.

### Nederlando

*Alkmaar* (N. H.). — D : Johan Mandemaker, Stuartstraat 44.
*Alphen.* — D : F-ino A. H. E. van Vliet, Van Boetselerstraat 45.
*Deventer.* — D : Arn. Bloemendal, Binnesingel 6.
*Haren* (Groningen). — D : Jan de Vries, Veenweg 437.
*Kolham* (Groningen). — D : Nanno Benninga, lernejestro.
*Marum* (Groningen). — D : Jantje Kleveringa, instruistino.
*Oranjedorp* (Drente). — D : Take Halma, lernejestro. VD : H. H. Nijhuis, instruisto, Nieuw Dordrecht.
*Purmerend* (N. H.). — D : Jan Tromp, Hugo de Grootstraat 14.
*Schagen* (N. H.). — D : K. Roggeveen, Laanhoek, Landbouwstraat.
*Scharmer* (Groningen). — D : Johannes Freye, lernejstro, F. 87.
*Sneek* (Frislando). — D : Reinoud Frank, Leeuwarderweg 70.

### Nederlanda Hindujo

*Benkoelen* (Sumatro). — D : Maarten Kruyt, Kadasterkantoor.

### Norvegujo

*Notteroy* (Tőnsberg). — D : Olaf Stőren, eks-ĉefinstruisto.

### Polujo

*Boryslaw.* — D : Joachim Altman-Ehrlich, Skr. poczt. 167.

### Portugal

*Aldeia de Paio Pires* (Estremadura). — D : Paulo de Assuncao Bagina.

### Urugvajo

*Melo.* — D : Emilio Martinez Fizmendi Calle Solis.
*Nueva Helvecia.* — D : Alfredo Wohlvend, komercisto.
*Paso de los Toros* (Rio Negro). — D : Dimas Neves.
*Rivera.* — D : Mario Prestinari, Saladero « Sao Paulo ».

### Usono

*Los Nietos* (California). — D : Earl Seall, Box 62.
*San José* (California). — D : Charles Shreve, prof. pri kemio, 488 E. St. John Street. VD : Pearlann Abreo, studento, Villa Saroni 55, So., 6 th St.
*Saint-Paul* (Minn.). — D : John Albert Forssel, 900 Globe Bldg.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**Ŝanĝoj.** — Adresŝanĝoj kaj aliaj :

### Alĝerio

*Philippeville.* — D : Emile Jean Cuomo, 19, rue Kléber

### Aŭstrio

*Salzburg.* — D : Karl Flach, Gstättengasse, 41.

### Britujo

*Bradford.* — D : W. E. Carter, 18 Highfield Ave. Idle.
*Burntisland* (Fife). — D : James Rodger, Rossend Castle.

### Bulgario

*Turski Trastenik p. Gara Pordim.* — D : Ljuben Popov, pastro.
*Vidin.* — D : Kiril Jotov, Evangelska Cerkva.

### Ĉeĥoslovakio

*Lom u Mostu.* — D : Ladislav Krisl, č. 29.
*Nové Zamky.* — D : Viktor Badin, Cervin ulica 3.

### Danlando

*Sonderborg.* — D : Niels Moesgard, Jernbanegade 17.

### Francujo

*Paris IV* D : (Jurnalismo). — Léon Agourtine, 50 rue Duranton.

### Germanujo

*Bonn am Rhein.* — Sin turni al la VD, la D foriris.
*Darmstadt.* — D : Heinrich Matthes, Waldstr. 30.
*Hagen i. W.* (Komerco). — D : Walter Rose, 5 Birnbaum.
*Hirschberg* (Schlesien). — D : Georg Sieche, Warmbrunnerstr. 54.
*Köln am Rhein.* — VD : August Fehr, Feltenstr. 111.
*Würzburg.* — V D : David Tachauer, Ludwigstr. 23.

### Havajo

*Honolulu.* — VD : Walton Gordon, Prin. Central Jr. H. S. Amma and Vineyard Str.

### Hungarujo

*Budapest.* — Ĉefdelegito : Paulo Balkanyi, Poŝto 507.
D : Kovarcz Imre Károly, Maria Terezia Tér. 16-VI-4.
*Székesfehérvar.* — D : Ferenc Acs, Boldogasszony-tér 12.

### Italujo

*Napoli.* — D : Pastro Agostino Stellacci, Nicoletto Trinita Spagnoli 3.

### Nederlando

*Heerlen* (Limburg). — D : F-ino Tekla Flint, ISOSEK, Tempstraat 6.
*Nijmegen.* — D : Jacques R. Peters, van Welderenstraat 18.
*Papendrecht.* — D : F-ino A. M. Gobiet, Veerdam 184 B.

### Polujo

*Kremenec.* — D : B. Doroszenko, Dyrektorska 28.
*Leszno* (Blonie). — D : Pastro Adam Furmanik, Dobrzynska 29.

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :** Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Aŭstrio* : Pernitz ; *Britujo* : Croydon ; Harpenden.
*Ĉehoslovakio* : Bokwen. Ptyĉ ; Sobrance ;
*Ĉinujo* : Chinkiang. *Francujo* : Vitry-sur-Seine.
*Germanujo* : Ermsleben ; Fellbach ; Hattersheim ; Mainz ;
*Hispanujo* : Baza ; Galdacano. *Italujo* : Pisa ; Varese.
*Latvolando* : Kandava ; *Libio* : Bengasi.
*Litovujo* : Vilkaviŝkis. *Madagaskaro* : Dzaoudzi-Mayotte.
*Maroko* : Xauen. *Usono* : Anita ; Norwalk ; Worcester.
(Entute : 24 lokoj forstrekitaj)

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Majo 1932 .................... | 1.949 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo ............ | 24 lokoj |
| | 1.925 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.5 — 15.9.32.................. | 53 lokoj |
| Stato je la 15. Septembro 1932.................. | 1.978 lokoj |

Genève, 15 Septembro 1932. *Direktoro de UEA.*

## Por helpi al UEA

La alvoko de la Komisiono de UEA trovis ĝojigan eĥon en la vico de nia membraro kaj kuraĝigaj estas la leteroj kiujn ni ricevis. Ili pruvas unu fojon plian, kiom UEA enradikiĝis en la koro de l'esperantistoj.

La Centra Kaso malfermis specialan konton por tiuj donacoj, kiuj servas entute por kovri la perdon kaŭzatan dum 1932 el la falo de la monkurzoj. Ni raportas sinsekve pri tio.

TRIA LISTO :

| | | |
|---|---|---|
| Stato 30an de Junio : 50 donacintoj kun sumo de : | Frk. sv. | 2.315.88 |
| 51. S-ro Groenhart, Malang, Ned. Hind. ........ | Frk. svis. | 10.— |
| 52. S-ro Fracalossi, Trento, Italujo ............ | Lir. it. | 6.— |
| 53. S-ro Phillimore, Wandsworth, Anglujo ..... | Funtoj | 2.— |
| 54. S-ro R. F. Vaughan, Sandakan ........... | Funtoj | 2.— |
| 55. S-ro Karel Ŝmid, Nitra, Ĉeĥoslovakio ...... | Kĉ. | 25.— |
| 56. Prof. Vlado Jukl, Bratislava, Ĉeĥoslovakio | Kĉ. | 14.70 |
| 57. Inĝ. T. Jeŝdik, Praha, Ĉeĥoslovakio ....... | Kĉ. | 25.— |
| 58. S-ro V. Jedlička, Olomouc, Ĉeĥoslovakio ... | Kĉ. | 20.— |
| 59. S-ro Olda Nosek, Mor. Ostrava, Ĉeĥoslovakio | Kĉ. | 16.— |
| 60. S-ro F. Michalsky, Spiŝska N.V., Ĉeĥoslovakio | Kĉ. | 15.— |
| 61. S-ro Lodema, Antwerpen, trovita kaj ne postulita mono dum kunveno de UEA, Paris | Frk. Fr. | 10.— |
| 62. F-ino Hermelin, Varsovio ................ | Frk. Fr. | 100.— |
| 63. S-ro John M. Baxter, Glasgow ........... | Funto | 1.— |
| 64. Sennomulo : Respondkuponoj de UEA ...... | Fr. sv. | 15.— |
| Sume 64 donacintoj kun ..............Frk. sv. | | 2.453.18 |

Al ĉiuj bonvoluloj koran dankon.

Genève, 15 Septembro 1932. Centra Kaso de UEA.

## ◙ BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA ◙

## Novaj libroj 1932

ANDERSEN. — *Fabeloj (Tria Parto).* Tradukis D-ro L. L. Zamenhof. Esperantista Centra Librejo, Paris. 153 p. 15,5 × 21. Prezo : Fr. fr. 9.—. (1932-55).

P. ROMANOV. — *La Mistero, Unu Horo.* Tradukis el la rusa originalo Isaj Dratwer. Redaktis L. Vienano. Eldonejo N. Szapiro, Warszawa. 31 p. 13,5 × 19,5. Prezo : sv. Fr. 0,45. (1932-56).

B. PRUS. — *La Vizio, La Veŝto.* — Tradukis el la pola originalo Lidja Zamenhof. Redaktis L. Vienano. Eldonejo N. Szapiro, Warszawa. 37 p. 13,5 × 19,5. Prezo : sv. Fr. 0,45. (1932-57).

J. BENAVENTE. — *La Kreitaj Profitoj, Pulĉinela Komedio.* — Tradukis Vicente Inglada. Eldonita de Hispana Esperanto Asocio. 96 p. 12,5 × 17,5. (1932-58).

KÖKENY, LAJOS. — *Magyar Eszperanto Evknyv, III Evfolyam* 1932. Literatura Mondo, Budapest. 40 p. 15,5 × 23. Prezo : Pengő : 1,50. (1932-59).

JULES ROMAINS. — *Knock aŭ la Triumfo de Medicino, Komedio en 3 Aktoj.* Tradukis D-ro Pierre Corret. « Esperantista Voĉo, Jaslo. 80 p. 12 × 19. Prezo : fr. Fr. 7,50. (1932-60).

SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA. — *Petro, 5a Eldono.* Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 112 p. 12 × 17. (1932-61).

***. — *BES-a Adresaro, deka eldono* 1932. Eldonas BES, Potstejn, C.S.R. 80 × 20 p. 11,5 + 14,5. Prezo : sv. Fr. 1.—. (1932-62).

***. — *La Konfliktoj en Manĉurio kaj Ŝanhajo, Pri la Agado de U.H.A. en Ĉinujo.* Eldonis Universala Homama Asocio. 12,5 × 18,5. 50 p. Prezo : sv. Fr. 0.50. (1932-63).

***. — *Esperanto Adresaro* 1932-1933 *de Sudokcidenta Germanujo.* Presis Heroldo de Esperanto, Köln. 40 p. 10,5 × 14,5. (1932-64).

PROF. DR. GÖHL. — *Ausführliche Sprachlehre des Esperanto.* Herausgegeben von Dr. C. Renken & Friedrich Ellersiek, Berlin. 295 p. 14 × 18,5. Prezo : Rmk. 4,50 (bindita). (1932-65).

E. S. PAYSON. — *La Fantoma Edzino, kun « Ne-Ne-Hofra » kaj « Olibano kaj Mirho ».* (Rakontoj) Redaktis A. Kenngott. Internacia Eldonejo ĉe Paul Göring, Magdeburg. 51 p. 10,5 × 15. Prezo : Dolaro 0,10. (1932-66).

HILDE SCHOLZE. — *Rübezahl, poezia rakonto.* Redaktis A. Kenngott. Internacia Eldonejo ĉe Paul Göring, Magdeburg. 28 p. 10,5 × 15. Prezo : Dolaro 0,10. (1932-67).

A. KENNGOTT. — *Usono.* Internacia Eldonejo ĉe Paul Göring, Magdeburg. 31 p. 10,5 × 15. Prezo : Dolaro 0,10. (1932-68).

L. TOTSCHE. — *De Paĝo al Paĝo, Literaturaj Profiloj.* Literatura Mondo, Budapest. 120 p. 13 × 19,5. Prezo : Dolaro 0, 80 (bindita), 0,50 (broŝurita). (1932-69).

GŒTHE. — *Romaj Elegioj, La Taglibro.* Tradukis K. Kalocsay. Literatura Mondo, Budapest. 77 p. 10,5 × 14. Prezo : Dolaro 0.60 bind., 0.49 broŝ. (1932-70).

***. — *Eszperanto* — kulcs (Hungara ŝlosilo de Esperanto). Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado. 32 p. 7,5 × 10,5. Prezo : 20 filler. Literatura Mondo, Budapest. (1932-71).

# Gefratoj kunigu la manojn !

De Nikolao HOVORKA, Vieno
*Membro de la Re-organiza Komisiono*

---

*Tamburoj tamburas, trumpetoj proklamas:*
*„Milito, milito, milito ekflamas.“*

*Pri tempoj heroaj tamburoj tamburas;*
*Ekaŭdas la knaboj, aŭskulti alkuras.*

*Aŭskultas volonte virinoj kaj viroj*
*Rakontojn pri venko kaj gloraj aspiroj.*

*Jam marŝas la knaboj, trumpetoj trumpetas,*
*Knabinoj al ili rozflorojn disĵetas.*

*Tamburoj tamburas: „aperis espero“;*
*Trumpetoj trumpetas: „finiĝos mizero“.*

*Allogas promesoj, allogas la pompo“,*
*Muziko, marŝado, minacoj kaj trompo:*

*„Se mankas al vi depost longe laboro,*
*Batalu, militu, kompensos vin gloro !*

*Malsatas edzino, malsatas infano ?*
*Militu kaj venku, abundos la pano !*

*Vi volas feliĉon, vivĝojon kaj ĝuon ?*
*Batalu kuraĝe, ne timu detruon !*

*Vin venĝu kaj viajn sopirojn ! Frakasu*
*Kun ĝojo kaj ĝu' ! Malamikojn mortĉasu !*

*Demandu neniam, ĉu homo ĉu kato,*
*Demandu nur ĉiam, ĉu trafis la bato !*

*Kaj se vi la estron fidele obeis,*
*Jen, kiam l'amas' malamika pereis,*

*Per vi realiĝos en sanga ebrio*
*De l'superhomaro la grandimperio“. —*

*Tamburoj tamburas la mortaventuron,*
*Barbaroj minacas la mondan kulturon.*

*Amikoj vekiĝu el sonĝoj kaj dormo !*
*Ho ĉesu vortludi pri normo kaj formo !*

*Ho ĉesu apogi vin sur iluzioj,*
*Disiĝi doktrine en pompaj partioj !*

*Ĉar dum vi pri ĝustaj komprenoj diskutas,*
*Satano jam vian propraĵon englutas.*

*Aŭskultu kaj aŭdu: tamburoj tamburas,*
*Trumpetoj trumpetas, barbaroj alkuras.*

*Ĉu vi jam forgesis pri ĉia teruro*
*De l'lasta tutmonda militaventuro ? !*

*Ĉu vi jam forgesis la tombojn militajn,*
*La sangon verŝitan, la larmojn ploritajn ? !*

*Vidvinojn kaj orfojn, blindulojn, kriplulojn,*
*Malsaton, malsanojn, detruon kaj brulojn,*

*Diboĉon, maljuston, senhoman perforton,*
*Mortigajn maŝinojn, blasfemojn kaj morton ?*

*Jen ĉio ĉi estis nur ludaventuro*
*Kompare kun nova milita teruro.*

*Popoloj pereos kaj ne plu nur homoj,*
*Kaj landoj pereos, ne urboj kaj domoj.*

*La tero estiĝos homar-kalvario:*
*Nur estos kadavroj, jen unu partio.*

*Se restos vivanta somerpapilio,*
*Ĝi povos priplori la teron ĉe Dio. —*

*Amikoj, vekiĝu el sonĝoj kaj dormo,*
*Ho ĉesu vortludi pri normo kaj formo,*

*Doktrine diskuti infaniluziojn,*
*Partiĝi, disiĝi la sav-energiojn !*

*Amikoj, gefratoj kunigu la manojn,*
*Forigu fantomojn, forpelu tiranojn !*

*« Eĉ guto malgranda traboras la monton ».*
*Kuniĝu, komune ni savos la mondon.*

*Konscia kaj klara kaj tre difinita*
*Ĝi estas, la bazo komunelektita:*

*Egala justeco, spirita libero,*
*Laboro kaj pano por ĉiuj sur tero,*

*Liberedukita la homkonscienco,*
*Spirita batalo, spirita potenco.*

*La bazon ni savu por firma konstruo*
*De nova mondord', el milita detruo.*

*Aŭskultu kaj aŭdu: tamburoj tamburas,*
*Trumpetoj trumpetas, barbaroj alkuras.*

*Kunigu la manojn, fortenu fantomojn,*
*Ni savu la mondon, ni savu la homojn !*

*L'espero, l'obstino kaj la pacienco —*
*Jen estas la signoj, per kies potenco*

*Ni paŝo post pas', en laboro sen laco*
*Atingos la lumon en gloro kaj paco.*

**Novaĵo** **D-ro RAUPP, Esperanto-Paradigmaro.** Praktike aranĝita instru-kaj lernilo por kursoj kaj kluboj. Riĉenhava kolekto de modelaj ekzemploj kaj skemoj pri ĉiuj gramatikaj temoj. Interfoliita per skribpapero por notado de nacilingvaj tradukoj, reguloj k.t.p. Sendota nur de la verkinto: *D-ro Raupp, Friedberg in Hessen, Germanujo, Bismarkstr. 15,* kontraŭ antaŭpago de Frk. sv. 1.50 al lia poŝtĉek-konto Ludwigshafen am Rhein n-ro 3001 aŭ sendo de egalvaloraj respondkuponoj.

# 1932 Por preterpasi la kataklismon ! 1932

## Aliĝu kiel Subtenanto

Respondante alvokon de l'Asocio invitante aliĝi kiel Subtenanto, la jenaj personoj bonvolis akcepti. Ni kore dankas al ili, kaj la sekvantajn, ni kore bonvenigas. Centra Oficejo de UEA.

426. S-ro Ola Waadeland, Larvik.
427. F-ino Signe Christiansen, Larvik.
428. S-ro P. J. Gjaerum, Larvik.
429. S-ro G. D. Buchanan, Rothesay.
430. S-ro Jakob Ŝapiro, Bialystok.
431. S-ro Boleslav Zmuda, Siedlce.
432. S-ro Stuart E. Kittredge, Hartford.
433. S-ro C. M. Hamaker, Hilversum.
434. S-ro Leon Ozouf, Le Vésinet.
435. F-ino Dora Lendel, Potsdam.
436. D-ro Won Kenn, Canton.
437. S-ro Lin Ken-chi, Canton.
438. S-ro Brok Li Lok, Canton.
439. S-ro Mun Kai Wong, Canton.
440. S-ro Wu Ta Kwong, Canton.
441. S-ro W. K. Hsŭ, Canton.
442. S-ro Hui Kam Wing, Canton.
443. S-ino Elise Boden, Görlitz.
444. S-ro Georg Habellok, Berlin.
445. S-ro Willy Duregger, Traunstein.
446. D-ro Kraner, Dresden-Bühlau.
447. S-ro Richard Levin, Lyon.
448. D-ro Josef Fousek, Prelouĉ.
449. S-ro Jaroslav Hetfleiŝ, Hosusovo.
450. S-ro Drewes Uitterdijk, Hilversum.
451. S-ro K. Gerŝater, Wilno.
452. F-ino A. Bayer, St. Margrethen.
453. S-ino L. A. Churchill, Derby.
454. S-ro Stefano Minkov, Sofia.
455. F-ino Nelly Verlee, Gorinchem.
456. F-ino W. S. de Klein, Gorinchem.
457. S-ro E. Sachse, St. Moritz.
458. S-ro J. Vital-Vital, St. Moritz.
459. S-ro Ferd. Zaché, Mantova.
460. S-ino Bolsius, Antwerpen.
461. S-ro Giordano Bruno Lopez, Buenos Aires.
462. S-ro Robert Muuronen, Lieksse.
463. F-ino Elmi Tamminen, Helsinki.
464. F-ino Elmi Helminen, Vaasa.
465. S-ro Jan Sztwiertnia, Raj.
466. F-ino Smaragda Nojarova, Sofia.
467. S-ro W. J. Kolkert, Baarn.
468. S-ro Joh. Hartog, Baarn.
469. F-ino C. E. Teepe, Amsterdam.
470. S-ro J. S. Clough, Folkestone.
471. S-ro Georges Bontemps, Colombes.
472. S-ro A. E. Smith, Kettering.
473. F-ino E. M. Welch, Southport.
474. S-ro Aimé Cotton, Sèvres.
475. S-ro E. Zuberbühler, Nesslau.
476. S-ro J. R. G. Isbrücker, Den Haag.
477. F-ino C. Offerhaus, Den Haag.
478. S-ro Jean Beau, Mâcon.
479. S-ro René Baillod, Dinard.
480. S-ro K. Brix, Puerto Obaldia.
481. S-ro S. J. Ysselstein, Schiedam.
482. S-ro Andreo Cseh, Den Haag.
483. S-ro N. Moesgard, Sonderborg.
484. S-ro U. Deguĉi, Kameoka.
485. Esp. Grupo, Werkendam, Ned.
486. S-ino A. Setälä, Helsinki.
487. S-ro Vilho Setälä, Helsinki.
488. S-ro D-ro J. Müller, Wieliczka.
489. S-ro D-ro Blassberg, Krakow.
490. S-ino Julia Neuberg, Krakow.
491. F-ino Regina Weinsberg, Krakow.
492. S-ro D-ro L. Rosenstock, Krakow.
493. Prof. D-ro O. Bujwid, Krakow.
494. S-ro D-ro Kalman Gyulay, Bőkony.
495. S-ro Paŭlo Balkanyi, Budapest.
496. S-ro A. Granchamp, Annemasse.
497. Jetta Esp. Grupo, Bruselo-K-berg.
498. S-ro A. Wäärsi, Tartu.
499. S-ro E. C. Mawbey, Johannesburg.
500. S-ro R. M. Buchanan, Blackrock.

## Turismo

### Wien kaj Niederoesterreich

Bela faldprospekto, alta 22 cm, longa preskaŭ unu metro, kun 30 belaj bildoj informas pri la Aŭstria ĉefurbo kaj la apuda provinco. La varbilon eldonis la Komisiono por la Fremdultrafiko, laŭ la iniciato de nelacigebla klopodanto, S-ro Hugo Steiner, la fondinto de la Esperanto-Muzeo. Oni povas ricevi ekzempleron de tiu bela prospekto skribante al « Fremdenverkehrs-Kommission der Bundesländer Wien und Niederősterreich, Messpalast, Wien VII. »

### Paris

Okaze de la 24a kongreso aperis gvidlibro de Paris laŭ la serio de la Verdaj Gvidlibroj. (Amplekso : 16,5 cm alta 11 cm larĝa, 62 paĝoj, du planoj de la urbo, kaj aldonaj informoj pri Versailles, Fontainebleau, St. Cloud. Kompilis ĝin S-roj Belhoste kaj Doue, presis ĝin presejo Lahure, teksto konciza, bona kaj klara. Bedaŭrinde ne plu ekzistas ekzempleroj, ĉar la neatendite alta nombro de aliĝintoj al la kongreso elĉerpigis la provizon. Kongresanoj kiuj ne kolektas la libreton estas petataj sendi ĝin al Turisma Servo de UEA, Genève, kiu ĝin volonte interŝanĝas kontraŭ alia libro esp. elektebla laŭ listo de la premioj por Membroj 1933 baldaŭ aperonta.

### Tartu

Gvidlibro tra la Universitaturbo Tartu titoliĝas 28 paĝa broŝuro, 18 × 11 cm kaj 18 bildoj. Tartu ankaŭ konata sub nomo Dorpat estas estona urbo kaj centro de spirita vivo de tiu ĉi malgranda lando apud la Balta Maro. Eldonis la broŝuron la Akademia Kooperativo en Tartu.

### Danzig

Bela brunkolora libreto « Pri Danzig », 24 paĝa kun planoj kaj bildoj, sur luksa papero estis disdonita al la kongresanoj. La libreto informas pri la historio de tiu ĉi urbo, laŭ traktato de Versailles Libera urbo.

### Novaj Horizontoj

Aperas en Parizo revuo en Franca, Angla, Hispana kaj Germana lingvoj por akceli la Turismon francan kaj diskonigi la belajojn de tiu ĉi lando en eksterlando. Okaze de la 24-a Kongreso, aperis esp. eldono de la *Novaj Horizontoj* kiel titoliĝas la revuo. Ĝin ricevis ĉiu kongresano. La numero enhavas artikolojn pri Parizo, la provinco la granda industrio franca, la kuraclokoj. Dudeko da bildoj sur bela luksa papero kompletigas la plaĉan aspekton de la eldonaĵo. Interesuloj povas eble ricevi ekzempleron skribante al la administrejo : 22 Avenue Victor Emanuel, Paris 8.

### Southport

Okaze de la 23a Brita Kongreso la kongresanoj ricevis belan ampleksan gvidlibron anglalingvan kun 15 paĝa aldono en Esperanto, ĉio presita sur luksa papero kaj ornamita de belegaj koloraj bildoj.

### Rio de Janeiro

Ilustrita gvidlibro publikigita de Touring Club do Brasil, Avenida Rio Branco 137-6 andar kun teksto en kvin lingvoj kaj en Esperanto. Ricevebla de Brazila Ligo Esperantista, Ave. Marechal Floriano 212, Rio de Janeiro kontraŭ unu respondkupono poŝta aŭ de UEA.

## Radio

EN LA UNUA NACIA KONGRESO DE RADIOTELEFONIO ORGANIZITA DE LA PORTUGALA JURNALO « O SECULO » LA TUTA KONGRESO APROBIS AKLAME LA KONKLUDOJN DE TEZO PREZENTITA DE LA RADIOAMANTOJ DE BARREIRO, PER LA ĈEF-DELEGITO DE UEA SALDANHA CARREIRA.

En la grandega salono de Societo de Geografio okazis la unua nacia kongreso, kies unua kunveno oficiale estas malfermita de la Prezidanto de la Respubliko, sekretariita de la Ministroj de Komerco kaj de Agrikulturo.

La Kongreso daŭris dum tri tagoj kaj aprobis dekunu tezojn vere interesajn. La lastan tagon, la Ĉef-Delegito de U.E.A., S. Saldanha Carreira, prezentis, je la nomo de la radioamantoj de Barreiro, tezon de li verkitan subtitolatan « Esperanto-Lingvo de la Radio », kies konkludo ricevis la aplaŭdan aprobon de ĉiuj ĉeestantoj.

« Ke la Kongreso bonvidante la ĝeneralan utilon de la adopto de Esperanto, kiel lingvo de la Radiotelefonio, akceptas kaj aprobas la konkludojn de la 2a Kongreso de la Radio-Kluboj, okazita en Cannes, en la lasta Decembro, kiu decidis, la elekton de identigilo per ondlongeco kaj nacieco en Esperanto.

La sendo, al la Ĝenerala Administracio de la Poŝtoj kaj Telegrafoj, de deziresprimo de la Kongreso por ke la aproba voĉdono, kune kun la tezo, estu oficiale prezentota en la respektiva kunveno de la proksima Konferenco en Madrido.»

Se en ĉiuj landoj, dum la tempo ĝis okazos la Madrida Konferenco, oni agos same, profitante kongresojn aŭ kunvenojn de Radiistoj kaj de Radiaŭdantoj por sukcesi similan aprobon, certe, kiam okazos la oficiala internacia Konferenco. Esperantista atmosfero faciligos la laboron de niaj francaj samideanoj.

La sekvantan tagon, ĉiuj ĵurnaloj parolis pri Esperanto, kiu vere venkis en la Radio sfero.




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

Nian ligon atingis ne atendita okazo por tutkore funebri. Lastmonate mortis nia altŝatata honora prezidanto, sinjoro Schober, Wien, iama policprezidanto de Wien kaj ŝtata kanceliero de Austrujo. Specialan dankon ni ŝuldas al li. Kiam nia fakmovado ekmoviĝis post la milito li tuj pretiĝis helpi al nia nova movado. Li eĉ akceptis la prezidantecon pri nia fakligo, tiama Tutmonda Polica Ligo. Ĉi tiu ligo bedaŭrinde ne sukcesis en maniero atendita kaj eĉ disfalis per aranĝo de nun ekzistanta Internacia Polica Ligo.

Ni plenumu honoran devon ankaŭ ĉi tiu loke lastfoje danki al la mortinto, kiu multe tro frue forlasis nian movadon kaj nian fakrondon. Li pace ripozu en la eterneco!

La grupo Chemnitz alsendis bildon kun raporto pri vigla gruplaboro. Lasttempe 5 kolegoj tieaj sukcese faris lingvan ekzamenon kaj atingis per tio la permeson, dum la dejoro porti Esperanto-rubandon.

Similan raporton ankaŭ alsendis la grupo en Praha. Ankaŭ tie kelkaj kolegoj sukcese plenumis specialan lingvan ekzamenon kaj atingis la saman permeson, dum la dejoro porti nian insignon. Pli detale raporto poste sekvos.

Dum la Universala Esperanto Kongreso en Paris ankaŭ policistoj, ĉefe el Francujo, arangis fakkunsidon. Kiel reprezentanto de nia ligo partoprenis sinjoro Sprušansky el Komarno. Ĉeestis ankaŭ anoj de nia ligo, sinjoroj Weiden kaj Neelmeyer el Hamburg, Wirz el Genève kaj Vavrovsky el Praha. La kunvenintoj akceptis gravan decidon, kiu tuŝas la estontan propagandon de nia fakmovado. Raporto pri detaloj poste sekvos!

A. Pohle,
*Liga Redaktoro.*

# En kelkaj linioj



*** Fondiĝis germana sekcio de « Societas Latina » (Oficejo: München 2 NO, Thierschstr. 46). Ĝia celo estas la enkonduko de la *latina* lingvo inter kleruloj kaj scienculoj por konferencoj, kongresoj, sciencaj jurnaloj ktp. Oni elektis la antikvan latinan lingvon, ĉar — laŭ la opinio de la kompetentuloj « nek modernaj naciaj nek artefaritaj lingvoj estas taŭgaj ». Jen tre grava tasko por *niaj* kompetentuloj kaj scienculoj: ili konvinku la « latinanojn », ke Esperanto *vivas* kaj tutcerte estas kapabla ludi la rolon de mondhelplingvo. Protestoj el multaj landoj tutmondaj (eĉ se mallonge skribitaj), montru la gravecon de nia organizo. Oni invitu la latinanojn al partopreno en naciaj aŭ Universalaj Kongresoj; oni rakontu pri niaj « Someraj Universitatoj » ktp. Oni projektas regulan gazeton kaj ellaboradon de granda vortaro, ĉar mankas multego de necesegaj vortoj en la lingvo! — Ju pli granda la eĥo el Esperantujo, des pli bona la efiko, des pli certa nia sukceso kaj fina venko de nia afero. E. H. en Frbg.

*** Internacia Hejmo Esperantista en Aspremont, Francujo, A. M. eldonas faldprospekton kun informoj kaj kondiĉoj de restado, dankesprimoj el la gastlibro k.t.p. Interesuloj petu ĝin rekte aŭ de Turisma Servo de UEA.

*** Dum la Kongreso en Parizo prelegis en radio, Inĝeniero Kaarlo v. Haartman-Harteva pri tre aktuala temo: *Rimedoj por helpi homaron el nuna severa krizo.* Se vi volas konatiĝi kun la grava enhavo de la prelego, vi povas mendi ĝin kontraŭ 1 internacia respondkupono aĉetebla ĉe poŝtoficejoj. Kontraŭ 2 respondkuponoj vi ricevos prelegon kune kun libro, kiu pli detale pritraktas vivproblemojn kaj kontraŭ 3 respondkuponoj prelegon kun 2 interesaj libroj. Vi povas sendi mendojn sub la adreso: Harteva, Temppelikatu 14, Helsinki, Finnlando.

*** La Brazila Ministro de Edukado permesis la malfermon de nedevigaj kaj senpagaj kursoj de Esperanto ĉe la Kolegio Petro II kiu estas la modela instituto de ĉiuj Brazilaj duagradaj lernejoj kaj la sola instruejo subtenata de la Federala Registraro.

Ankaŭ la Direktoro de la Publika Instruado en Rio de Janeiro permesis la malfermon de nedeviga kurso de Esperanto ĉe la Instituto de Edukado, kiu diplomas la unuagradajn geinstruistojn.

*** Hungara samideano, Jozefo Major faris propagandvojaĝon akompanitan de jurnalisto japana, S-ro Hideo Otaka en 30 japanaj urboj kun 60 paroladoj ĉe kiuj ĉeestis pli of 6000

Partbildo de Loka Polica Grupo en Chemnitz.



*Fot. Lindner, Chemnitz.*

personoj, S-ro Major parolis pri variaj temoj en Esperanto, lerte interpretita de S-ro Otaka. Tio estas propagando per ekzemplo, tre impresiga en Japanujo, kie eŭropano ja ne povas rekte paroli al publiko pro la lingva baro.

*** „Alvoko al la tutmondo kontraŭ la japana buĉado en Manĉurio", titoliĝas kvarpaĝa teksto dissendita al esp. redakcioj kaj individuoj. La pamfleto informas pri la okupado de la tri provincoj ĉinaj, Liaoning, Kirin, Hei-lung-Kiang, pli bone konata sub Manĉurio k.t.p. Dissendis la alvokon Universitata Ligo, Kuo Min Universitato, Kanton.

*** En la Hungara Skolta Asocio estis oficiala ekzameno de la budapestaj esp. kursoj, Partoprenis 34 skoltoj, el kiuj 17 kun bona sukceso. Kelkaj ricevis premiojn, inter ili de HES, UEA kaj Literatura Mondo. La ekzamenon prezidis polic-kapitano D-ro S. *Borsiczky*, ĉeestis inter aliaj la prezidanto, la ĉefsekretario, la helpredaktisto de la skolta asocio, grafo *Festetics* kaj la gvidanto de fremdulgvidantaj skoltoj.

*** La Esperantista Grupo en Valencia, sub gvido de la Delegito de UEA S-ro Advokato Pino proponis al la administrado de bruliĝinta universitato aldoni alvokon por restarigi kolektojn en Natur-scienca Fako, ankaŭ en Esperanto. La grupo dissendis la alvokon kiu havis bonan sukceson.

*** Dum la Tutmonda kongreso de l'nova edukado, okazinta en Nice, Julio-Aŭgusto, Profesoro Pierre Bovet, Genève prelegis pri Esperanto. La kongreso komencis per debato pri la valoro de internacia lingvo precipe pri Basic English kaj Esperanto. En sperta maniero Profesoro Bovet montris la kvalitojn kaj faktojn de uzado de Esperanto. En aparta artikoleto ni revenos al tiu ĉi interesa debato.

*** La Provizora Registaro ĵus subvenciis Brazilan Ligon Esperantistan dum la nuna jaro per la sumo de mil milrejsoj (370 svisaj frankoj).

La jara kunveno de la Saksa Esperantistaro okazos en Radeberg (Adreso : S-ro F. W. Mischke, Mühlstr. 15,) je la 30-31 de Oktobro 1932. Sur la tagordo staras diskuto pri la internacia organizo,problemo tre grava kaj diskutinda.

*** Firmo Jan Böhm, rozkulturisto en Blatna, Ĉeĥoslovakio, eldonis sian katalogon de 1933 kun surskribo en Esperanto. Inter la centoj da rozoj, kiuj havas nomojn, same kiel la homoj, ni trovas la rozon *Esperanto*. Interesuloj, amikoj de rozoj kaj de Esperanto rekte skribu al la firmo demandante informojn. Inter la rozoj cititaj en la listo troviĝas nomoj el la moderna tempo: Tomas Bata, Prezidanto Masaryk, Ford, Herriot k.a. Kiam D-ro Zamenhof ?

*** La semajna gazeto «Berliner Illustrierte», n-roj 36 k.s. (Ullstein Verlag) komencis publikigi la historion de S-ro Paoli Schwartz, esperantisto kaj antaŭ la milito, delegito de UEA en Sundheim (Baden), S-ro Schwarz estis kondamnita de Franca Milita Tribunalo kaj deportita al la Diabla-Insulo. Post 13 jaroj li povis reveni. Premiga estas la okazintajoj kiujn devis pasi tiu ĉi samideano, kiujn li rakontas sen pasio kaj kolero.

# 24-a Kongreso de Esperanto

## Korekto de ciferoj.

Enpaĝigante tiun ĉi numeron, ni ricevis leteron de la Franca Societo por Propagando de Esperanto, kiun laŭdezire ni represas. Ni revenas al tiu ĉi afero en proksima numero. (Red.)

Rosny, 19a Septembro 1932a.

Al la Redakcio de « *Esperanto* ».

Estimataj samideanoj,

mi legis en la lasta numero de « *Esperanto* » artikolon pri « Resumo kaj Bilanco de la 24-a Universala Kongreso ». Kiel protokolisto de K.R. ĉe la kunveno de la 4-a Aŭgusto, mi devas rimarkigi al vi ke estas du gravaj eraroj en tiu artikolo :

1) Vi skribis : «Voĉdonis por ili (la principoj kaj rezolucio pri nova organizajo), la reprezentantoj Brita, Franca, Germana, Itala kaj Sveda ».

Vere, sed vi devas ankaŭ aldoni : la reprezentantoj Japana, Norvega kaj Rumana.

2) Vi skribis : « Laŭ voĉoj : por la propono : 5401. Kontraŭ : 1608. Deteno : 1400. La demando, ĉu principe akcepti la novan proponon aŭ diskuti punkton post punkto, estas respondata per 5481 voĉoj por tuja akcepto kaj 1342 por detala diskuto, dum 860 voĉoj sin detenis ».

vere estis : « S-ro Pitlik petis ke oni voĉdonu unue por aŭ kontraŭ la *nuna* organizo.

| | |
|---|---|
| « Por la nuna organizo (Kontrakto Helsinki) | 1068 |
| Kontraŭ nuna organizo | 5401 |
| Detenoj | 1400 |

Tuj poste, oni voĉdonis pri la rezolucio kun la 6 principoj.

*Neniu voĉdonis kontraŭ la rezolucio.*

| | |
|---|---|
| Por la tuta propono voĉdonis | 5401 |
| Por pli detala diskuto voĉdonis | 1342 |
| Detenoj | 816 |

Kompreneble, post la nuligo de tiuj eraroj, la konkludoj kiuj sekvas vian artikolon ne plu estas taŭgaj.

Por eviti ke viaj legantoj ne miskomprenu la tutan aferon, mi petas vin ke vi bonvolu aperigi mian leteron en la proksima numero de via ŝatata gazeto.

Mi antaŭdankas vin pro tio kaj restas,

tutsamideane via

P. PETIT.
*protokolisto de K.R.*
*Kunveno de la 4-8-32*

# Alvoko al ne-skoltoj

Jes, ni alvokas ankaŭ vin, kara leganto, ke vi helpu. Ĉar la skoltoj de via loko eble ankoraŭ nenion scias pri Esperanto. Vi devas atentigi ilin, ke por la monda kunveno skolta okazonta en Aŭgusto 1933 apud Budapest Hungarujo, ili lernu Esperanton. Ĝi estas unu el la oficialaj lingvoj kaj la sola, kiun oni povas lerni ĝis somero ! Laŭ skolta regulo ili estas servopretaj kaj poste helpos vin en esperanta laboro, movado kaj fremdulgvidado. Vi nur gajnos per ili kaj akiros junularon, kiu tuj povas utiligi la lingvon.

Kiamaniere vi povas atentigi ilin ? Ni rekomendas bonan rimedon ! Proponu *lumbildparoladon pri Budapesto* (en nacia lingvo, tio interesos, ĉar tie okazos la mondtendaro. Dum la prezentado vi havas okazon paroli pri Esperanto kaj proponi ties uzon. Lumbildojn sur filmrubando, uzebla en kutimaj kinoaparatoj, ankaŭ afiŝojn kun esp. surskribo ni disponigas senpage, kie estas certigo pri okazonta parolado !). Anglan, francan aŭ germanan broŝuron pri la ĵamboreo senpage sendas laŭ peto la ĵamborea Komitato. Budapest, V., Nagy Sandor-u 6. se vi petas petu laŭeble Esperantan ankaŭ, — La afiŝoj estas uzeblaj en Esperanto-ekspozicioj. Ni povas sendi ankaŭ tekstojn por propagand-paroladoj kaj represoj en gazetoj.)

Al la ĵamboreo venos el ĉiuj landoj kelkcent eĉ el kelkaj landoj kelk-mil skoltoj, sed *ankaŭ plenaĝuloj* pro la grandaj rabatoj kaj avantaĝoj kaj pro *vizitindeco* de la tendarego, de la hungara ĉefurbo kaj lando. Ĉu vi ne volas uzi la okazon ? Oficiale gvidos per Esperanto hungaraj skoltoj ! Pro tio en la lasta tendaro de la fremdulgvidistaj skoltoj ankaŭ *Esperanto estis oficiale uzata* ! Simile okazis apud Budapest alia oficiala tendaro per ekzerci Esperanton. Skribu pri tio al ni ! Invitas ankaŭ la Hungarlanda Esperanto Societo, kiu kunhelpos aranĝi la akcepton, gvidadon de plenaĝaj gastoj.

Hungara Skolta Esperanto-Studrondo, Budapest, V., Nagy Sándor - u. 6.

# Oni dankas

*** S-ro Némethy en Budapest dankas al S-ro Jelenič en Ljubljana por afable plenumita servo.

*** S-ro A. Prapuolenis, en Kazlu Ruda, Litovio, tutkore dankas al S-ro VK. Raukas en Tartu, Estonio, por afabla akcepto kaj protekto S-ron Kz. Maknys dum lia cerba operacio kaj malsano en Puusepp'a nervokliniko.

*** S-ino Frieda Boettcher, D de UEA en Habelschwerdt, German. sincere kaj kore dankas al S-ro Gerhard Langner D en Görlitz por afabla gvidado kaj gastigo, al familio Meuer, Mainz por afabla akcepto kaj gastigo. Specialan profundan dankon al familio Rançon, en Fontenay apud Paris por kora gastamo dum la kongreso kaj gvido tra la ĉefurbo franca.

*** S-ro Frederiko Kuhner el Bzenec plej sincere dankas al ges-roj Jedlička en Olomouc por la afabla akcepto kaj gastigo dum la V-a ĉeĥoslovaka Esperanto-kongreso okazinta en Olomouc 14-16 de Majo 1932.

*** S-ro R. Richez en Genève kore dankas S-ron Corrado Grazzini, Del. en Firenze, pro donitaj informoj.

*** S-ro Francisko Ramolfo, S-ro Enriko Ajmo kasEd. Markisio, memorante la belan kaj amuzan vojaĝon tra landoj Aŭstria, Hungara, Jugoslava, Bulgara, Greka kaj Turka, kore dankas al ĉiuj afablaj samideanoj kaj UEA Delegitoj, kiuj ilin gvidis kaj helpis dum restado en la urboj vizititaj, nome al F-ino Minuŝka Mantel en Vieno, S-ro Paŭlo Balkanyi, Budapest, S-ro Andreo Gerley, Budapest, S-ro O. Avsec en Beograd, specialan dankon pro grava fervoja servo Prof. Ivan H. Krestanov, en Sofia, S-ro Georgi Dimov, G. Sapunĝiev, G. Kovacef en Varna, S-ro Henk Goemans, VD en Istanbul.

*** S-ro W. Mudrak, Ano de UEA el Vieno, sincere dankas al S-ro Marseille, ĉefdelegito de UEA en Parizo, al S-ro Kudela, D en Olomouc kaj al S-ro Watzinger, D en Villach por afablege plenumitaj servoj.

# Esperantista vivo

### Naskiĝo

*** Al Ge-sroj Albert Lienhardt, ano de UEA en Montigny-lès-Metz, filineto Eveline-Colette.

### Fianĉiĝo

*** S-ro Sven Céder, Delegito de UEA en Fagersta, Svedlando, kun S-ino Greta Fredriksson, anino de UEA, nune en Göteborg.

*** F-ino Annel Burkhardt, anino de UEA 31723 kun S-ro Fritz Fromm Augsburg, 3.9.32.

*** S-ro Geoffrey Dalrymple Nash, ano de UEA en Slaugham, Anglujo, kun F-ino Joy Fernau.

### Edziĝoj

*** F-ino Ingeborg Wiemers, filino de l'VD de UEA en marbanloko Norderney kun kuracisto D-ro W. Hüttner en Berlin.

*** S-ro Zd. Blazek, D de UEA en Mnichovo Hradiŝte, Ĉeĥoslov. kun F-ino Svobodova.

*** S-ro Berthold Guttmann, D de UEA en Pihanken, Ĉeĥoslov., kun F-ino Ludmila Mikula.

### Gratulo

D-ro Albert Steche, iama prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio atingis 9. Septembro 1932, sepdek jarojn. Al la sindona pioniro de nia movado en Saksujo, parlamentano kaj industriisto bonkonata ni kore gratulas kaj bondeziras, aliĝante al la belaj vortoj aperintaj en Germana Esperantisto, Aŭgust-Septembra numero.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Karl Rohrbach, Profesoro, D-ro, sekreta konsilanto, ano de la Lingva Komitato, 2.IX.1932, 70 jar-aĝa. Denove la senkompata falĉilo forprenis de nia rondo familia, sindonan kaj multe laborantan anon. Tre respektata en sia urbo, Prof. Rohrbach estis Direktoro de la Supera Reala Lernejo (realgimnazio). Krom ordinaraj fakoj li okupiĝis pri mineralogio kaj gvidis ĝis 1906 la observatorion.

S-ro Majoro L. F. N. Watson, ano de UEA en Letchworth Britujo, 17 Junio 1932.

S-ro J. E. A. Ortega J Guerrero, MA de UEA 37739 en Quito, Ekvadoro 4.5.32.

S-ro Karp Wallon, Dresden, 59 jara, 7.8.32. Unu el la plej malnovaj esperantistoj, eks-volapukano., stenografiisto tre konata.

S-ino Meta Hoffmann, edzino de nia D en Quedlinburg a. Harz. Germanujo, 31 jara, dum Aŭgusto 1932.

S-ro Jean Janssen, Ano de UEA 34709, en Lommel, Belgujo., akcidente 26.5.32.

S-ro J. A. Bent, ano de UEA 35047, en Sheffield, 13.8.32.

S-ro E. O. Leggatt, ano de UEA 8192, London, 20.8.32.

F-ino Agnes Itzely, fakinstruistino, MA 16033 en Privoz, Ĉeĥoslovakio. (Laŭ reveno de gazeto *Esperanto*, Aŭg.-Sept. 1932).

S-ro Max Westphal, Ano de UEA 16726, prezidanto de la E-societo en Stettin, 29.6.32, 48 jaraĝa.

S-ino Ludvika Sklenckova, patrino de ĉefdelegito S-ro O. Sklenĉka, Hradec-Kralové, 11.IX.32, 66 jara.

Pro manko de loko en lasta numero de *Esperanto*, forestis informo pri subita morto de :

S-ino Betty Vogt, edzino de D-ro Anton Vogt, bankiero en Stuttgart vicprezidanto de GEA, Delegito de UEA, 18 Julio 32.

S-ino Epstein, edzino de S-ro Felix Epstein, malnova samideano fervora kolektanto de ĉiu pri internacia lingvo.

*Sinceran kunsenton !*

# 25a Universala Kongreso de Esperanto

**29. Julio — KÖLN 1933 — 5. Aŭgusto**

## Oficiala Bulteno N-ro 1.

Adreso : Trajanstr. 25, Köln, German. — Poŝtĉeko : 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln 52.

*Bankkonto :* Dresdener Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln, Germanujo.

*Kotizoj :* Por faciligi al la samideanoj la aliĝon al la kongreso kaj kun la celo plejeble fruigi la aliĝon kaj simpligi la prepar-laboron, la LKK decidis, interkonsente kun la ICK, akcepti ĉiujn aliĝojn ĝis inkluzive 31.12.1932 je *favorkotizo de nur gmk.* 18.—. Post 1.1.1933 validos la plena norm-kotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj : La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Por frualiĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis 31.12.1932, la kotizo estas nur gmk. 4.50. Gejunuloj ne rajtos ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj : Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresanoj po gmk. 10.—.

*La Loka Kongresa Komitato* formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron.

Prezidanto : urbestro Bönner ;
Vic-prezidanto : urba lerneja konsilisto Theile ;
Afergvidantino kaj kasistino : s-ino M. Gernsbacher ;
Sekretario : Wilhelm Wingen ;
Fakestro por loĝado kaj amuzoj : Fritz Kurth.
La LKK alelektos al si konsilantojn por diversaj fakoj.

*Oficiala Invito : La Jubilea Kongreso* okazos en Köln (Kolonjo apud Rejno) laŭ oficiala invito de la ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad Adenauer, Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro.

*Aliĝoj :* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 103 *personoj el* 15 *landoj.* Laŭlanda statistiko : Anglujo 9 ; Aŭstrujo 1 ; Belgujo 5 ; Ĉeĥoslovakujo 1 ; Danujo 1 ; Francujo 13 ; Germanujo 56 ; Hispanujo 3 ; Italujo 4 ; Japanujo 1 ; Nederlando 4 ; Polujo 1 ; Rumanujo 1 ; Skotlando 1 ; Svedujo 2. Krom n-roj 1—12, rezervitaj al familio Zamenhof.

Por kiel eble plej multaj *baldaŭaj aliĝoj* tre dankema estos la *Loka Kongresa Komitato.*

Rimarko de la Redakcio : Ĵus enpaĝiginte la nunan numeron ni ricevis la unuan oficialan sciigon pri la Kongreso en Kolonjo, el kiu ni ekstraktis la plej sciindajn informojn. (26. Septembro 1932).

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero / PK-poŝtkarto / PI-poŝtkarto ilustr. / bfl.-poŝtmarko sur bildflanko / Gaz.-gazeto / k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj / C.r.-certe respondos.

*Alblasserdam* (Nederlando). — S-ro J.v.d. Rhee, F. 63, serĉas gekorespondantojn por siaj lernantoj, petas samtempe PI., bfl., por lumbild-vespero en Decembro kaj E-materialon por ekspozicio, Respondo garantiata.

*Aydin* (Turkujo). — S-ro Abbas Havero bej Cami, fotografisto, PI., PM., esp. gaz.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95, (Box H· & P.) nur PM. Malrespondas bagatelojn.

*Budapest* (Hungar.). — S-ro D-ro K. Pászty, Erzsébet körut 34, PM.

*Como* (Ital.). — S-ro Castiglioni « Esperanto », Via V. E. 28, por italaj sam-anoj deziremaj korespondi kun la tuta mondo.

*Görlitz* (German). — S-ro Gerhard Langner, Zeppelinstr. 13, PI., L., bfl. pri ĉiaj temoj k, ĉ. l. C. r.

*Harkov* 23 (U.S.S.R.). — Inĝ. Klimovskij, Kostomarovskaja ul. 16, kv. 5, k.ĉ.l. amikoj de Sovetio. L. PI. gaz. ilustr. nacilingvaj kaj esp.

*Le Locle* (Svislando). — S-ro Paul Humberset, instruisto, La Jaluse 8, PM. po 2o specialajoj, jubileaj flugpoŝtaj k.t.p., kontraŭ Pro Juventute, senarmigo, Gothardo, aeraj. Ne sendas unue. Nepre respondas. Germanoj aŭ ĉeĥoslovakoj ne sendu.

*Lohmen* (German. Sachsen). — S-ro Herbert Oehme, 95 B., 21 jara fraŭlo PI., L., PM. k.ĉ.l. C.r. Korespondas ankaŭ germane, angle, france kaj hispane.

*Magdeburg* (Germ.). — S-ro Georg Jansa, oficisto, Grünearmstr. 8-III sendos 3-500 PM. de Germanujo por 2-400 PM. diversaj de via lando, ankaŭ laŭ Michel 1933. Mi interŝanĝas k.ĉ.l. C.r.

*Mikstat* (Polujo). — S-ro Stefan Biegarski, filatelisto, PM., k.ĉ.l.
*Nieder-Liebich* ap. *Bohm. Leipa* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Edgar Kowarzik, N-ro 73, PI., bfl. C.r.
*Rethel* (Francujo). — S-ro Desray, PK., L., k.ĉ.l., c.r.
*Rethel* (Francujo). — S-ro Bourguignon, D de UEA, PI. k.ĉ.l.
*St. Denis du Sig* (Oran, Alĝerio). — S-ro Ch. Messud, lernejestro L. PI., bldfl., PM.
*Videniŝkiu p. ag. Varuiŝkes* (Litovio). — S-ro V. Rakauskas, PM.
*Viernheim* (German., Hessen). — S-ro Karl Frohner, Weinheimerstr. 9, L., PK., PI., k.ĉ.l. pri div. temoj precipe pri edzeco.
*Zaragoza* (Hispan.). — S-ro Samuel Taules, strato D.fJuan de Aragon 22-3, *pi*, L., PM.

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Arkitekto.* — Jam dum multaj jaroj mi laboris kiel artitekto kaj prezentas miajn servojn. Mia lasta estro, S-ro C. de Lee, Gasthussingel 6- -rood, Haarlem, Nederlando donos ĉiujn informojn pri miaj karaktero kaj kapabloj. Moderaj postuloj. Se dezirate, mi estas je dispono. S-ro H. Preller, « Altena » Ucchelen, Nederlando.

*Adreso.* — Korespondantoj de Paulo Balkanyi, en Budapest volu atenti ties adreson : Budapest 507, Hungar. — Dumtage dejoras en Hungara Ĝenerala Kreditbanko, Jozsef tér. 3-4-II, Budapest V.

*Bankoficisto.* — 29 jara, germana, serĉas laboron, eble ankaŭ en vojaĝ — aŭ transportoficejo. Lingvoj : germ. esper. ital. perf. ankaŭ france k angle. F. Pohle, Boelckestr. 19. Halle-S. Germanujo.

*Banloko Bergen op Zoom.* — Nove varbita samideano S-ro L. H. Grootegoed, Radhuisstraat 8, Bergen op Zoom, aldonas tre belajn kolorajn poŝtkartojn pri la vidindaĵoj de la banloko. Apud la klarigo en nederlanda lingvo, li nun aldonas sur ĉiuj eldonaĵoj esp. tradukon. La serio de tiuj vere belaj pk trikolore presitaj kostas 4 respondkuponojn de UEA aŭ poŝtajn. La serio konsistas el dekdu kartoj.

*Insignoj.* — Esperanto insignojn kaj diversaĵn esperantaĵojn kaj krajonojn mendu ĉe mia firmo. Revendistoj 30 % da rabato. Plue mi serĉas revendistojn kaj reprezentantojn en ĉiuj landoj por ornamaĵoj de Gablonz a.N. Postulu senprokraste kondiĉojn kaj prezlistojn pri Esperantaĵoj ĉe Leo Weiner, Mühlfeldgasse 18, Gablonz a.N., Ĉeĥoslovakio.

*Katolikismo.* — Ne-katolikoj kiuj deziras informojn pri la katolika diservo povos ricevi ilin senpage de unu el katolikaj informoficejoj en Nederlando pere de l'korespondanto M. Goosens, Noblestraat 10, Brielle, Nederlando.

*Partopreno financa.* — Mi interkonatiĝus kun monhava asociano por ekspedicio en Brazilan pra-arbaregon per vestaĵo de mi inventita por eviti bestdanĝerojn. Lino Huguet, Delegito de UEA, Meknès V. N., Maroko.

*Pensiono.* — Distinga familio akceptas pensianojn. Fluanta akvo, varma kaj malvarma, centra hejtado, ĝardeno. Modera prezo. — Situita kontraŭ la liceo Michelet. — S-ino du Sablon, 14 bis Avenue Victor-Hugo, Vanves, Paris.


**KONATIĜU**

kun la radioparolado farita el la radiostacio Vitus, Parizo, dum la 24. Universala Kongreso de Esperanto pri la tre aktuala kaj grava temo :

**Rimedoj por helpi homaron el nuna severa krizo.**

La parolado estos sendata al iu ajn, kiu sendas 1 internacian respondkuponon aĉetebla ĉe poŝtoficejoj.

Se vi volas plue studadi la plej aktualajn nunajn demandojn, sendu 2 respondkuponojn kaj vi ricevos kun la prelego klarigan libron kaj kun 3 respondkuponojn 2 librojn.

*Sendu la mendojn sub la adreso :*

**Harteva, Temppelikatu 14, Helsinki, Finnlando**

Vi ne restus dumviva Esperantisto, se vi ne konus la spiriton de Esperanto.

**La Esperantisto, laŭ L. L. Zamenhof,**

legas la monatan organon

de **Universala Homama Asocio**

**Oomoto internacia**

**belstila, riĉenhava kaj interesa ĵurnalo ilustrita kaj zorge redaktita.**

Petu senpagan specimenon !

**Abonu ĉe : S-ro K. Niŝimura**

1, rue Félix-Faure, PARIS 15e

Jarabono por ĉiuj landoj 3 sv. fr. kun senpaga U.H.A. - Membrokarto, Poŝtĉekkonto: Paris 448.77

**Mirinde, nekredeble, sed fakto !**

*Senlaboruloj, lernantoj, studentoj, soldatoj, k.a. malriĉuloj.*

**Nur kontraŭ du (2) Svis. fr.** (anstataŭ 2 us. dolaroj)

vi ricevos dum tuta jaro

la unuan kaj solan en la mondo plej regule aperantan, tuta en Esperanto kaj neŭtrale redaktatan

**ĉiutagan gazeton**

**„ TELEGRAMO "**

(*gazeta grandeco*)

enhavanta nur mallongajn interesajn, variajn legaĵojn kaj ĉiusemajne « humorajn paĝon ».

Turnu vin al : *Redakcio TELEGRAMO*

PLOVDIV (Bulgarujo) Eŭropo

Provekzemplerojn ni ne sendas el la I-a kaj II-a jarkolektoj

**Kuracistoj !**

Kiu praktikanta kuracisto revizius kaj konfirmus plimalnovan kuracistan ateston pri sanigilo ?

Detalaj proponoj kun honorariaj postuloj estas petataj sub H. B. S. al la administracio de ESPERANTO.

***Gajaj Vesperoj !***

*Bonhumoraĵoj kun konsiloj pri amuzaj grupvesperoj.*

Prezo : RM 1.— aŭ 4 respondkuponoj poŝtaj aŭ de UEA.

**C. WALTER, Berlin W.10, Hohenzollernstr. 11**

Poŝtĉeko : Berlin 85766.

Poŝtaj respondkuponoj estas aĉeteblaj en ĉiu poŝtejo. Unu respondkupono validas la sendkoston de eksterlanda letero.




*Monata ekzerca gazeto*

**Riĉega kaj interesega enhavo, instrua kaj amuza. Trezorejo por progresantoj, grupoj kaj studrondoj**

**Abonprezo por unu jaro : 1.— usona dolaro**

» » **duonjaro : -.50** » »

La abonon oni povas sendi en simpla letero per poŝtmarkoj de kiu ajn lando (laŭ la taga kurzo).

*Specimeno senpage al ĉiu !*

**Grava favoro ! ! !** Pro ricevita donaco *malriĉaj Esperantistoj* povas aboni tre malkare, se ili sendas por unujara abono 10 tiajn poŝtmarkojn de sia lando, per kia oni afrankas leteron al eksterlando.
« *La Praktiko* », Oostduinlaan 32, *Den Haag* (Nederl.)

# Rumana Bonhumoro

**en elektitaj rakontoj.**

*Kompilis P. Firu kaj S. Pragano.*
64 paĝa. Bona preso. 19 × 13 cm.

El recenzo :

La kvin rakontoj sub titolo : *Rumana Bonhumoro*, aperas en beleta eldono kaj tre bona stilo. Ili posedas lokan koloron, tipajn karakterojn, sed estas ofte pli ironiaj ol simple bonhumoraj. « Du lotbiletoj » montras avidon, krudon ĉe urbetanoj kaj amuzajn misokazojn; en « Oĉjo Rado » kamparano sprite spitas nobelon : « La staciestro » kaj « Li ne estas hejme » estas ŝercaĵoj, sed « La venkinto de Napoleono » plej plaĉis al mi, ĉar tre amuze pentrita estas tiu maniula profesoro, ĉiujn tedanta per sia vana dumnokta serĉado al forgesita propra nomo.

Prezo de unu ekzemplero kun sendo : 2 Fr. sv.

**Deponejo : Libroservo de UEA**
**1, Tour de l'Ile, 1, GENÈVE, Svislando**

# " Esperantlingva Novelbiblioteko "

*Redaktata de Leono Vienano.*

N-o 1. Eksiĝo (N. Jeruŝalmi), trad. Leono Vienano.
N-o 2. La vizio. La vesto. (B. Prus), trad. Lidia Zamenhof.
N-o 3. La mistero. Unu horo. (P. Romanov), trad. Isaj Dratwer.

La celo de la « Esperantlingva Novelbiblioteko » estas : Havigi al la leganto novelojn :

1. *interesegajn*, dank' al la altgrade aktuala kaj streĉa enhavo (koncerne la individuan kaj socian vivon) vortigita per granda arto de literatura talento.
2. *facilajn*, dank' al la populara kaj simpla maniero de esprimado de la plej komplikaj pensoj, sentoj kaj problemoj.
3. *internaciajn*, prezentante la literaturajn kreaĵojn de diversaj nacioj.

verkitajn en *flua korekta* Zamenhofa *stilo* evitigante al la esperantistaro uzadon de lingvaj malĝustajoj kaj diskonigante imitindan stilon esperantan.

Se vi volas ĝui belon de literaturo kaj alproprigi al vi korektan stilon esperantan, legu atente la

« **ESPERANTLINGVA NOVELBIBLIOTEKO** »

Prezo de ĉiu novelo 0,45 sv. fr. Sendkostoj 10 %. Ni liveras nur post antaŭa pago.

**Librejo N. Szapiro, Warszawa, Nowolipki 8.**

Ĉe ni estas aĉeteblaj havebla la nova lernolibro laŭ senpare metodo « Esperanto per Esperanto » Leono Vienano. Prezo: 1 sv. fr. Ni akceptas poŝt-aŭ U.E.A. resp.-kup.

**La tuta esperantistaro havas intereson ekscii, ke**

# LA NOVA EPOKO

**La Literatur-Scienca organo de**
**SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA**

(Sidejo en Parizo), aperas jam de kelka tempo kun novaj vesto kaj aranĝo kaj ke ĝia jara abonprezo estas nur **2.50 gmk.** (Unuopa ekzemplero kostas **0.50 gmk.**)

Pro la fakto, ke ĉiuj abonantoj de **SENNACIULO** ricevas « La Nova Epoko », ĉi tiu lasta, 20-paĝa, grandformata, riĉe ilustrita revuo fariĝis la plej grava kaj plej disvastigata tiaspeca organo kun sia eldonkvanto de 3.000 ekzempleroj.

**La lingvoscienca rubriko**

estas jam kompetente redaktata de profesoro G. Waringhien kaj la kunlaboro de aliaj kompetentuloj estas certigata por la estontaj kajeroj. La aliaj rubrikoj estas ĉefe jenaj : **Literaturo** (poezio kaj prozo originala kaj tradukita) ; **Scienco; La Paĝo de l' Filozofo; Sur la Ekrano; Sub la Sagoj de l' Kritiko.**

Neniu esperantisto povas malhavi tiun gazeton, se li celas konscie la prosperon de la esperanta movado.

**Mendojn kun samtempa pago oni adresu al Administracio de S A T, Colmstr. 1, Leipzig 0. 27**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE.— 734-10-32